XXIª jaro. Nº 293 (1) ☆ Monata ☆ Januaro 1925

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . 2.— Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.50 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15ª de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## Ni bezonas fortan Sciencan Asocion.

La celo de UEA estas grupigi internacie ĉiujn individuajn esperantistojn por akceli kaj disvastigi la uzadon de Esperanto en la mondo. Tial ni decidis entrepreni tiun ĉi jaron la eldonon de novaj aldonoj al „ESPERANTO“ por antaŭenigi nian aferon en praktika sfero. Krom nia regula gazeto, enhavonta ĉefe literaturaĵojn kaj informojn pri nia movado, ni sendos senpage al niaj membro-abonantoj *Ekonomian Kurieron* kaj *Sciencan Bultenon.* Daŭre ili ankaŭ ricevos la *Oficialan Bultenon de la Internacia Laboroficejo* kaj la *Kongresan Bultenon.*

Ni kore esperas, ke tiu dokumenta pliriĉigo ebligos ĉiujn niajn legantojn varbi novajn membro-abonantojn ĉirkaŭ si, por ke ni nepre atingu la necesajn 10.000 membrojn en 1925. Legu pri tio la artikolon de S-ro Jakob, Oficiala Informilo, sur paĝo 12. Ni jam pasis de ses al ok mil en 1924. Ni nun atingu la sekvantan ŝtupon. Vivu la dekmilo en 1925 per via klopodado!

Ni nun priskribos la kondiĉojn de niaj novaj entreprenoj, kompreneble kaŭzantaj al ni financan riskon. Sed kiu riskas nenion, tiu ankaŭ nenion atingas! La Centra Komitato decidis okazigi en Majo en Parizo du teknikajn konferencojn de sciencistoj kaj komercistoj. Jam dekkvin eminentaj famuloj, membroj de la Franca Akademio de Sciencoj, akceptis patroni la aferon kaj solena malfermo okazos en la granda salono de la Pariza Universitato en Sorbonne, la 14 majo, espereble disaŭdigota per potenca radio-stacio.

UEA deziras helpi laŭ ĉiuj eblaj rimedoj la organizantojn *Scienca Asocio* kaj *Esperanto et Commerce.*

Oni scias ke, laŭ opinio de ĝia nuna prezidanto, la Akademio preferas lasi al Scienca Asocio la taskon prepari la teknikajn vortarojn de nia lingvo. Tial ĝi elektis S-ron Rollet de l'Isle kiel fakestron de tiu sekcio. La saman elektis K. R. kaj UEA en la Centra Komitato por zorgi pri niaj teknikaj fakoj. Lia unua celo estas, kun S-ro Rousseau, rekonstrui nian esperantistan Sciencan Asocion, kiu multe suferis de la milito.

Tio estas nepra kaj urĝa necesaĵo. En la nuna epoko nenio estas pli bezonata ol forta Scienca Asocio, kiu grupigu ĉiujn esperantistojn interesatajn en iu ajn teknika fako. Por ilin rekolekti kaj reunuigi, UEA eldonos je sia risko regulan Sciencan Bultenon, talente redaktatan de S-ro Rollet de l' Isle. La kotizo al Scienca Asocio estas duondolaro, do dek francaj frankoj aŭ $2^1/_2$ svisaj. El ĉiu kotizo certa parto estas uzata por preskostoj. Se kvincent membroj aliĝas, la afero sukcesos kaj ni daŭrigos la eldonadon ĝis kiam estos eble presigi pli luksan revuon. Tial ni rekomendas al ĉiuj, kiuj komprenas la gravecon de la afero legi la Bultenon kaj aliĝi tuj al Scienca Asocio. Ĝi devas nepre akiri 500 membrojn antaŭ la Pariza Konferenco!

Nia lingvo nun eniris la sciencan kampon serioze. En Ĝenevo, ĉe la somera universitato, jam instruos en Esperanto mondkonataj profesoroj diverslandaj. Ni estu indaj je la momento!

☆

### Ni bezonas viglan komercan movadon.

La Pariza Komerca Kunveno daŭrigos la laboron komencitan en Venezia. Ni devos nun organizi sur serioza bazo la interrilatiĝon inter komercistoj uzantaj Esperanton. Tion celos akceli nia nova *Ekonomia Kuriero,* lerte redaktata de S-ro Rob. Kreuz. Ĝin ne povos subteni kotizoj, sed anoncoj. Ĉiu komercisto sin konigu al la ceteraj per anonco, eĉ malgranda, kaj ĉiu leganto varbu anoncojn. En gazeto nun presata je dek mil ekzempleroj ĝi vere valoras.

Enirinte sur la teknikan kampon, Esperanto ne perdas sian altan internan ideon. Kontraŭe. Varbante membrojn, serĉante anoncojn, farante kurson, plenumante iun ajn necesan laboron de nia propagando, vi ĉiuj varme sentas en la koro la noblan instigon de Zamenhof. Ĝi benu vian laboron en 1925 kaj feliĉigu vian sindonan vivon!

*Edmond Privat.*

## Ĉu disfalo en dialektojn?

De *D-ro Edmond Privat.*

Vi konas la kutimajn argumentojn de kontraŭuloj: „Ruso ne komprenos anglon pro malsama elparolado“, aŭ „Baldaŭ Esperanto disfalos en dialektojn, kiel ĉiuj lingvoj“. La sperto neas la unuan aserton. Ankaŭ la duan.

Efektive jam de longe la lingvoj ne plu disfalas en dialektojn. Ni jam ne vivas en la tempo de la Babela Turo, nek en tiu de la barbaraj enmarŝoj en Romon.

Ĉu la angla lingvo disfalis en dialektojn? Ĉu la nordamerikanoj, novzelandanoj, aŭstralianoj kaj angloj ne komprenas sin perfekte? Ĉu la etaj diferencoj en akcentado aŭ eĉ en esprimoj permesas al iu aserti, ke ili ne parolas unu saman lingvon, eĉ mirinde saman, konsiderante ĝian diverskontinentan uzadon?

Tamen la angla lingvo estas ja ĝepatra lingvo, parolata hejme, dum Esperanto ja celas nur servi kiel helpa „fremda“ lingvo, uzota por ekster-ordinaraj rilatoj, en okazo de vojaĝo, kongreso, renkontiĝo kun fremduloj ktp. En tiaj okazoj lingvo estas ĉiam uzata malpli senĝene, eĉ pli zorge, pli atente por atingi komprenon, do ankoraŭ pli unuece.

De kie do venas la legendo kaj supozo pri „disfalo en dialektojn, kiel ĉiuj lingvoj?“ Ĝi venas de unu el tiuj popolaj asertoj „duonsciencaj“, ĉiam ripetataj, neniam kontrolataj. La vero estas, ke la lingvoj efektive disfalis en dialektojn en certa epoko de civilizacio kaj poste reiris la malan vojon al unueco en pli posta periodo.

Kiam samlingva popolo ekloĝis iun landon kaj la diversaj gentoj dise vivis en pluraj valoj, malproksime unuj de la aliaj, apartigitaj per montoj, riveroj, eĉ maroj, sen aliaj interrilatoj ol eventuale dum ia milito, kiam la homoj nur parolis, sed neniam aŭ preskaŭ neniel skribis, tiam kompreneble la elparolado kaj la esprimoj malsimiliĝis iom post iom, pli kaj pli, ĝis ekzistis veraj disaj dialektoj de antaŭe sama lingvo.

Sed kio okazis poste? Ĝuste la malo. Venis iu ambicia reĝo, kiu komencis almiliti ĉiujn provincajn princojn de Mezepoko. Iom post iom li kaj liaj posteuloj venkis ĉiujn kaj unuigis la diversajn duklandojn aŭ graflandojn en unu vasta reĝlando. La kortego allogis ĉiujn klerulojn kaj intelektulojn. Ĝia lingvo fariĝis oficiala. Iam fondiĝis parlamento. Malfermiĝis lernejoj. Presarto eltroviĝis. Libroj disvendiĝis. Gazetoj dislegiĝis. Fervojoj, telegrafio, telefonio akcelis ĉion. Nuntempe el la granda ĉefurbo ĉiunokte la rapidaj vagonaroj alportas al ĉiuj urboj kaj vilaĝoj de la lando la ĵurnalojn, ĉiuvespere presitajn, ĉiumatene legotajn en la sudo, en la nordo, sur la montoj, ĉe la maro, ĉie en unu sama skriba lingvo

Ĉiam el la granda ĉefurbo la registaro sendas ĉien instruistojn, oficialulojn, afiŝojn, dokumentojn. Ĉiam en la sama centro alflugas kaj reflugas landanoj el ĉiuj partoj, kolektiĝas intelektuloj, kunsidas politikistoj, komercas praktikuloj, eldoniĝas libroj, katalogoj, reklamoj. La oficialan lingvon ĉiu aliloke imitas, kopias, uzas por atingi ĝeneralan komprenon. Ekzistas denove unu granda, oficiala, centra, unueca lingvo de la nacio, kies forteco estas tia, ke ĝi penetras ĝis la kamparanaj hejmoj.

El la antaŭaj dialektoj iom post iom restas nenio krom granda riĉeco da esprimoj en la centra lingvo, kiu kunfandis ĉiujn.

La moderna vivo jam de longe ne plu konas la disfalon en dialektojn, sed kontraŭe la unuecigon de la lingvoj. Eĉ tio, kio okazis sur la nacia kampo, ekmontriĝas sur la internacia. Ju pli kreskas la tutmonda interkomunikado, des pli la lingvoj interpenetras unu la alian. Se la mondo ne akceptus komunan helplingvon kiel Esperanton, la lingvoj certe riskus sekvi la unuecigan movadon kaj iom post iom perdi sian originalecon. Esperanto estas kanaligo de nerepremebla movado antaŭen.

* * *

## Pri elparolado.

Ĵus mortis abato Rousselot, nia majstro en fonetiko, la fama lingvoscienculo en Parizo, kie li fondis veran registrejon de lingvaj sonoj, ame notante ĉiujn eblajn apartaĵojn aŭ alisonigojn laŭregionajn. Li estis vera geniulo kaj povis tuj distingi la ĝustan devenlokon de iu ajn franclingvano aŭdinte eĉ unu frazon de parolo.

La disvastigo de radioaŭdado kaŭzas jam tre interesajn observojn rilate al elparolado. Ĝuste sur tiu kampo Esperanto gajnas grandan venkon, ĉar ĝi estas, kun la itala, eble la plej klare aŭdebla lingvo per senfadena telefonio. Franca estas tro unutona, angla tro unusilaba. Se vi maltrafas unu silabon anglan, vi perdas unu vorton kaj eble la tutan frazon. La finaĵoj en Esperanto donas al la orelo iom da intertempo kaj helpas kapti la ceterajn silabojn.

Ankaŭ la multenombro en -aj -oj montriĝas granda sukceso en radio-aŭdado. Ili sonas rimarkinde klare kaj agrable. Ĉie la Esperanto-kursoj per radio tre plaĉas al aŭdantoj kaj helpas doni bonajn modelojn de elparolado.

Ankaŭ la instruado de lingvoj per gramofonaj diskoj ĉie progresas. Diskojn en Esperanto nia Centra Komitato tuj fabrikigos kiam ĝi estos ricevinta sufiĉe da mendoj el niaj grupoj kaj societoj.

---

# *Por la nova jaro 1925.*

☆

La Centra Oficejo de UEA dankas ĉiujn afablajn samideanojn, kiuj bonvolis sendi al ĝi aŭ al la gvidantoj de nia Asocio bondezirojn por la nova jaro. Ne povante al ĉiuj persone respondi, ni tutkore esprimas al niaj fidelaj korespondantoj nian deziron, ke la 1925 alportu al ili feliĉon kaj sukceson en ilia laborado.

★

## Novaj aldonoj kun tiu ĉi numero.

Kun tiu ĉi numero de „Esperanto“ estas sendataj:

**1e Bulteno de la Internacia Laboroficejo, 2e Kongresa Bulteno, 3e Scienca Bulteno, 4e Ekonomia Kuriero.**

Niaj legantoj bonvolu akcepti tiun sendaĵon por la nova jaro kaj skribi al ni sian opinion pri la diversaj aldonoj. *(Red.)*



# LITERATURO



## Ivaĉjo.

☆

Ivaĉjo estis brava kampobubo,
naiva filo de vilaĝa rond'.
En bluokuloj mankis zorgonubo,
neniom sciis li pri l' granda mond'.
La vivon miris li kun pia timo,
kantadis gaje dum la kamplabor'
kaj sur la pajla lito al patrino
biblion legis dum vespera hor'...

Sed venis tempo, mondon detruanta,
kanonoj blekis: buŝo de l' milit'
kaj lin forrabis tiu buŝ' giganta...
Tre orfaj restis — kampo, pajla lit',
sed li memoris kun kutima pio
pri lastaj vortoj de l' patrin' al fil':
„Ivaĉjo kara, diras la biblio,
armiluzanto mortas per armil'...“

La batalkampo en li miron vekis...
Ne greno kreskis tie, sed grenad',
ne birdoj pepis, sed ŝrapneloj blekis,
ne gaja kanto sonis, sed vead'
kaj ne plugilojn, sed pafilojn premis
la fortaj manoj spasme kun furor'...
Ivaĉjo miris kaj elkore ĝemis:
„Ne de la Dio estas ĉi labor'...“

Li ĵetis for pafilon, bajoneton
kaj senarmile staris en arme'
kaj senarmile ŝturmis drato-reton
kaj senarmile servis en tranĉe'
kaj vanis puno kaj ordon' de l' stabo,
la kapon ĉiam nee skuis li.
Obstine diris la vilaĝa knabo:
„Mi konas nur — dek leĝojn de la Di'...“

Perfido... Mortverdiktis la juĝisto
kaj kvin soldatoj tuj fortrenis lin...
Dum lasta marŝo pensis li pri Kristo
pri la biblia krista disciplin'...
Ŝtonkoraj kamaradoj... Pastro mankis..
kaj ĉirpis kampa gril' tra l' morta mut'...
Ivaĉjo preĝis, Dion psalme dankis,
mildkore iris al la ekzekut'...

Dum ŝargis la soldatoj li subite
ekpalpis ŝarĝon de la panosak'...
En ĝi postrestos pano netuŝite,
patrinfarita pan' el hejma bak'...
Li prenis ĝin, karesis kun kompato...
eklarmis... Kiel peze en la man'!
Ivaĉjo ĝin etendis al soldato:
„Akceptu, frato! Estu via pan'...“

*Julio Baghy.*

## *Nokta klareco.*

*Al estimata S-ino Morris.*

☆

*Al ama kareso similajn, ho steloj,*
*Alverŝu la dolĉajn radiojn sur min!*
*Lumigu l' animon tra ombroj kaj veloj!*
*Elmontru l' altecon de l' homa destin'!*

*Ne donas la tago al ni lumon veran,*
*Ĉar super ni kuŝas lazura tegment';*
*Ni tiam nur vidas loĝejon la teran,*
*Pri mondo supera malestas la sent'.*

*„Laboru kaj ĝuu — parolas la tago —*
*La ter' estas ĉio: nenio krom ĝi!*
*Pli alten ne iru la pens' ol la ago;*
*Laboru kaj ĝuu plezurojn, ne pli!“*

*Ho nokta klareco! ho steloj benitaj,*
*Vi montras senfinan la vojon al ĉiel'!*
*Ho lumoj! ho vortoj per fajro skribitaj*
*Sur libro vastega de l' nokta ĉiel'!...*

*Vi, frato dubema, okulojn eklevu:*
*La libron rigardu, skribitan por vi,*
*Forgesu la tagajn batalojn, kaj revu*
*Pri supraj misteroj, spirito kaj Di'!*

Enrique Legrand.



## Vento nokta.

☆

La vento kantas tra la nokto,
Seninterrompa baso, forto
Majesta, nekontraŭstarebla
Kiel paŝo de la sorto.

La vento fluas tra la nokto,
Plenplenigita riverego
Nekonsternebla kaj terure
Trankvila kiel dia regno.

La vento blovas tra la nokto.
Blovekcitiĝas kvin mil steloj,
Fajreroj de forĝejo kia,
Rabitaj for al kiuj celoj?

La vento tra la nokto blovas
Kaj mi kredas aŭdi bruon
De la nekonebla forto
Kiu mondojn pluen movas.

*L. Charles-Baudouin, Genève.*

# TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. Estonte la eldonaĵoj estos bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj“. Sub titolo: „Tra la libraro“ aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

---

**Esperanta Biblioteko Internacia. — Eposo. — Du originalaj romanoj. — Oficiala Klasika Libro. — Diversaĵoj.**

*

[Pri eldonejoj kaj prezoj, vidu sub „Novaj Libroj“.]

*

La firmao Ellersiek & Borel daŭre reeldonas la elvenditajn libretojn de sia bona kolekto: *Esperanta Biblioteko Internacia.* Estas kompreneble, ke tiuj volumetoj malkaraj plaĉas per sia varia enhavo, praktika formato, korekta lingvo. Lastatempe reaperintaj en dua aŭ tria eldono estas la sekvantaj. *Bona Sinjorino* [E. Orzeszko, trad. Kabe]. Kortuŝa rakonto pri riĉa sinjorino, kiu pro enuo adoptas infaninon, ŝin edukas lukse, poste forĵetas la ne plu ŝatatan ludilon kaj fine malfeliĉigas tiun, kiun ŝi intencis elmizerigi. La *Rusaj Rakontoj* [Mamin Sibirjak, trad. N. Kabanov] estas porinfanaj fabeloj, kie leporo, muŝo, kato aŭ eĉ floroj rakontos mirigajn aventurojn. En *Don Kiĥoto* [trad. Pujulà y Vallès] ni havas kvin ĉapitrojn de l' fama verko de Cervantes, inter la lastaj, kiam fine la heroo devas perdi multon el siaj iluzioj. Atendante la aperon de l' plena Malnova Testamento, ni trovas en la elektitaj ĉapitroj de *El la Biblio* [trad. L. L. Zamenhof] bonan specimenon de tiu ĉefverko de nia majstro. Kiuj ŝatas humoran satiron, tiuj plezure legos en *La lasta Usonano* [J. A. Mitchell, trad. Lehman Wendel] aventurojn de Perso tra dezertigita Usono en la jaro 2951, kaj en la *Nordgermanaj Rakontoj* [Heinrich Bandlow, trad. Ella Scheerpelz] kvinon da vere ridigaj kaj spritaj ŝerc-historietoj. *La Intervidiĝo kaj Nekonata Dialogo* [Alfred de Vigny, trad. Sam. Meyer] estas du romanhistoriaj renkontoj, la unua inter la franca reĝo Ludoviko XIII. kaj lia ministro Richelieu, la dua inter Napoleono kaj papo Pio VII., ambaŭ tre impresige rekreitaj. Fine la *Elzasaj Legendoj* [trad. Charlotte Pulvers] havas la ĉarmon de l' malnovaj naivaj imagaĵoj de niaj praŭloj.

La „elveno“, tiel diras la eldonisto, de novaj aŭ ree presitaj kajeroj estas ĝojiga fakto; ili nur envenu en ĉiun esperantistan hejmon provizi ties familianojn per tre agrablaj legaĵoj.

*

Ne okazis, ĝis nun, ke firmao liveris samtempe du novajn originalajn romanojn. Ambaŭ estas tre bonaj laŭ enhavo kaj stilo; ambaŭ ree pruvas verkistan talenton de jam ŝatataj aŭtoroj; ambaŭ dum kelkaj horoj logigas la leganton en oran pasintecon. Sed krom tiuj eksteraj similaĵoj, iliaj tendencoj estas tute kontraŭaj; unu instruas, alia amuzas; unua estas historia skizo, kie konkuro inter du religioj estas la ĉefa temo; dua estas fantazia humoraĵo floranta sur imaga scienca eltrovaĵo.

*Pro Iŝtar*, iom similas al la bela Faraono de Prus, majstre esperantigita de Kabe, iom ankaŭ al la ne malpli fama Ben-Hur tradukita en multaj lingvoj, aŭ ankoraŭ al la lastjare eldonita en nia lingvo Akbar. Kiel tiuj verkoj, Pro Iŝtar enpense transportas la leganton en malnovan civilizacion, kaj la lerteco de l' aŭtoro kreskas kun la grado, kiom tiu rekreado de malaperinta epoko fariĝas verŝajna. Tiun fojon, la loko ne estas la antikva Egiptujo, nek la kristtempa Palestino, nek la malnovimperia Hindujo; ĝi estas la iama Babel, sur la bordo de Eŭfrato. Iŝtar (Astarte) estas ĝia diino potenca, adorata kaj timata, kies kulto postulas strangajn oferojn, kies pastraro volas regi la popolon kaj eĉ la reĝon. Dume, ĉe la apudaj gentoj, disvastiĝas la kredo al Jehova kaj la ĉefa intrigo de l' romano estas la klopodoj insidaj aŭ honestaj de ambaŭ partioj por konverti la ĉefpersonon Omar, samtempe logata de sia amo al la bela Zalmuna, pastrino de Iŝtar, kaj de sia inklino al la vero, kies heroldoj estas vice la lerta komercisto Lemuel, la saĝa egipto Hamul kaj la biblia Ijob. Rimarkinde estas, kiel la konataj sinsekvaj mizerego kaj beno de l' hebrea patriarko nature interplektiĝas kun la aliaj okazoj de l' libro. Kaj ne nur la portretoj de tiuj personoj restos en la memoro de l' leganto, sed ankaŭ la gracia silueto de l' kuraĝa knabino Adaha, la pentinta rabististro Bence, la perfidoj de l' patrino, la interbatalo de l' pastroj, kaj ... sed tiu libro estas mondo. Tiom da diversaj okazoj neniam lacigas sed ĉiam plivigligas la intereson.

Tia kreaĵo postulas ja longajn studojn kaj fundan konon de l' medio. Ĉu, foje, la aŭtoro ne aljuĝas al la personoj pensojn kaj rezonadojn iom nuntempecajn? Povas esti, sed la lingvo estas tiel flua, la stilo tiel facila, la temo tiel romaneca, ke oni tutlegas la libron kun granda ĝuo kaj sen emo al kritiko. Kompare kun la antaŭaj originalaj romanoj de *Luyken,* Pro Iŝtar, laŭ lingva vidpunkto, montras certan progreson; prozon pli simplan, pli kompreneblan sed ankaŭ pli korektan kaj harmonian oni ne ofte prezentis.

*Saltego trans Jarmiloj* eliris el sama hipotezo, kiel la Tempo-Maŝino de Wells. En ambaŭ, inventistoj eltrovis rimedon por vojaĝi tra la tempon, kiel oni ĝis nun vojaĝis tra la spacon. Tempo fariĝas efektive, en tiuj verkoj, la kvara, ankaŭ alirebla, dimensio. Sed se Wells traktas la temon serioze, kvazaŭ li kredus aŭ volus kredigi pri la vojaĝo de sia heroo en la estontecon, *Forge* celas al groteskaĵo per vojaĝo de tuta nuntempa domanaro al la epoko de Nerono. Jam la nomoj de l' personoj: Fromaĝi, Sovaĝi, F-ino Snob, Tabakaĉ tion montras, kiel ankaŭ la ridindaj scenoj, kie la moroj de l' unua kaj de l' dudeka jarcentoj kunpuŝiĝas, kiam Nerono aŭskultas gramofonon, aŭ estas fotografata kun okulvitroj, kiam Romanoj ekfumas tabakon, dum Romaninoj kunportas ombrelojn, kiam la profesoro Sovaĝi volas al ili instrui la veran latinan prononcadon. Ofte la verko fariĝas vera satiro de l' nunaj modoj, sed oni povas opinii, ke tiun miksaĵon de historiaj faktoj, kun scienco kaj burleska farso, kelkaj taksos gusteraro. Ĝi per prozo donas la samon, kion prezentas sur teatra scenejo la operetoj de Offenbach, La bela Heleno, aŭ Orfeo en la inferoj. Sed, akceptante la sintenon de l' aŭtoro, oni ne kontraŭstaras lian lertecon, kaj oni ridas bonkore de l' strangegaj aventuroj dum oni ĉiam pli streĉe deziras pliscii tion, kio ankoraŭ okazos. Plej bone estas redonataj kelkaj nuntempaj sensacioj, ekzemple la ebrieco de l' aŭtomobilrapideco, aŭ la konfuzoj de radioaŭskultado. Malofte originalecon certe posedas la libro, kaj kelkaj neologismoj aŭ trouzo de l' paŭzpunktoj tute ne forigas la apartan valoron de tiu ... monumenta ŝercaĵo.

En ĉiuj ĉefaj lingvoj troviĝis poetoj, kiuj intencis prikanti la samtempe admirindan kaj bedaŭrindan historion de l' homo, ĝian naturon jen bestan, jen dian. Ili estas Goethe en Faŭst, aŭ Milton en la Perdita Paradizo, aŭ Hugo en la Legendo de l' Jarcentoj. Nun ni ankaŭ povas ekkoni similan ĉefverkon de la hungara literaturo, *La Tragedio de l' Homo* de Emeriko Madach. En dekkvin sinsekvaj bildoj aperas la kreo de l' homo, lia vivo en Edeno, kaj poste aro da vizioj en estontecon per kiuj Adamo ekvidas la tutan postan historion de l' homaro, tra ĉiuj apartaj civilizoj, laŭ ĉiuj ŝanĝantaj idealoj, kun ĉiuj klopodoj al amo, virto, libero, scio, religio, ĝis fine la dia kreitaĵo komprenos, ke laboro kaj kredo estas la solaj veraj fontoj de progreso kaj feliĉo, la solaj kialoj de l' homa vivo.

Tiu ampleksa verko estas poezie tradukita de S-ro K. Kolocsaj, kies talentan lertecon la esperantistaro jam rekonis. Tia traduko de klasika filozofa poemo, kiom bona ĝi estas, postulas ne nur legon sed studadon; la streĉo de l' stilo malhelpus, ke rapidema leganto malkovrus la belaĵojn ideajn kaj

lingvajn entenatajn en tiu spegulaĵo de l' tuta mondhistorio. Tial ankaŭ la enkonduko, la posta resumo kun klarigoj estas necesaj helpiloj. La listo de novaj vortoj kaj rimarkoj de l' tradukinto estas interesaj je lingva vidpunkto.

La libro estas tre belaspekta; nur la papero de l' simpla pli malkara eldono ne indas je la verko. Ambaŭ eldonojn, simplan kaj luksan, ornamas portreto de la aŭtoro kaj dudek tutpaĝaj bildoj laŭ pentraĵoj de Miĥaelo Zichy, inspiritaj de la verko kaj konservitaj en Budapesta Belarta Muzeo.

Tiuj diroj neniel povas montri la versarton de l' traduko; plej simple estas citi el ĝi almenaŭ parteton. Jen ekzemple, kiel Adamo, simbolo de l' homo, sonĝinte ĉiun ties travivaĵon, sin turnas al Dio por peti la sencon de l' vivo:

„Sinjor', teruraj vidoj min turmentis,
Kaj mi ne scias, kiom estas veraj.
Ho diru, kia sorto min atendas?
Ĉu mia ĉio estas ĉi malvaste
Limita viv', en kies lukt' filtriĝas
Animo mia, kiel vino, por ke
Se ĝi klariĝis jam, Vi ĝin elverŝu
Surteren kaj ensorbu ĝin la sablo?
Aŭ ĉu Vi ĝin destinis por plibono?
Ĉu do progresos iam mia gento,
Plinobliĝante, por alproksimiĝi
Al via tron', aŭ, kiel mueleja
Ĉevalo, morte ĝi laciĝos, kaj
Sin ne trabatos el la rond' irata?
Ĉu havos rekompencon nobla sino
Kiun primokas pro sangfalo lia
Popol' malgrandanima? Ho, klarigu,
Kaj mi dankeme portos ĉian faton,
Ja mi nur gajnos, ĉar ĉi malcerteco
Mem estas la infero."

(El la dekkvina Bildo)

Sed tiuj linioj povus aperi antaŭ Kristnasko, mi konsilus al multaj donaci, ĉu Pro Iŝtar, ĉu Saltego trans Jarmiloj al siaj konatoj, laŭ ilia humoro, ĉar certe oni tiel plezurigus la ricevanton; nu, donacoj, de alia, aŭ eĉ de si mem, estas ĉiutempe agrablaj kaj vere la du novaj romanoj meritas aregon da aĉetantoj kaj legantoj.

*

En la kolekto de la Akademio aperas kunmetaĵo de S-ro *Grosjean-Maupin, Oficiala Klasika Libro,* kiu entenas multon en malgranda libro. Unue la deksesregula gramatiko. Poste kaj ĉefe ĉiuj oficialaj radikoj kun iliaj tradukoj en franca, angla kaj germana lingvoj, zorge korektitaj kun la helpo de diverslingvaj akademianoj. Oni scias, ke en la unua Universala vortaro, multaj nacilingvaj tradukoj ne akordiĝis, kaj ke ilia korekto estis delonge petata. Aparte estas listigitaj la vortoj internacie kompreneblaj, por kiuj la tradukoj do ne estis necesaj, sed kies preciza senco estas klarigata por tiuj el ili, kiujn ne notis Kabe en sia bonega Vortaro. Kelkaj rimarkoj kaj listo de landnomoj*) finigas tiun libron, pli oportune uzeblan, pli precizan, pli plenan ol la iama Universala vortaro. Ĝi estu la ĉeflibro de ĉiu verkanta samideano, kaj helpu al ni konservi nian nepre necesan lingvan unuecon.

*) Ni plezure konstatas, ke tiun liston sekvas noto konstatanta ke „la finaĵo *io* (ne sufikso) *kiam internacia* en landnomo, ne estas kontraŭfundamenta *(Germanio* apud *Germanujo,* kiel *evolucio* apud *evoluo,* laŭ Fundamento § 15)..." Tiun principon ni fidele sekvas en tiu ĉi gazeto, kie la uzado mem decidos ĉu ĝi estas „nekonsilinda, ĉar senutila komplikaĵo" aŭ male tre konsilinda ĉar praktike necesa kaj sufiĉe ĝenerala. Sole gravas, ke tiu uzado estas oficiale rekonata kiel ne kontraŭfundamenta. Tion ni ĉiam asertis. Nun la „Klasika Libro" ĝin konfirmas, ĝi estus povinta diri la samon ankaŭ pri la formoj en *-lando* (Svislando, Pollando) ankaŭ tute ne kontraŭfundamentaj. (Red.)

Kvankam ne pure literaturaj, jenaj eldonaĵoj indas je mallonga cito. *George Fox,* broŝuro kun biografio kaj resumo pri la religiaj kaj socialaj ideoj de la fondinto de la Societo de Amikoj, pli konata sub la nomo Kvakeroj, estas eldonata okaze de la tria jarcento de la naskiĝo de tiu apostolo. *Zürich,* arte eldonita gvidlibro kun ilustraĵoj. Fine vera luksa *Internacia Esperanta Ludkartaro,* kie la ordinaraj bildoj estas anstataŭataj de geografiaj aŭ heraldaj ĉiulandaj emblemoj kaj kiu ebligas multajn ludojn, dum ĝi ankaŭ estas originala propagandilo.

14 decembro 1924. G. S.

## Novaj libroj.

**Pro Iŝtar.** Romano el la antikva Babela historio. Originale verkita. *H. A. Luyken.* 1924.
Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig. Esperanto-Fako.
304 paĝoj, 13×19 cm. Prezo, bindita: 5.— Gmk.

**Saltego trans Jarmiloj.** Romano originale verkita. *Jean Forge.*
Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig. Esperanto-Fako.
192 paĝoj, 13×19 cm. Prezo, bindita: 4.— Gmk.

**George Fox,** 1624—1690. Fondinto de la Religia Societo de Amikoj (Kvakeroj). *Henry van Etten.* 1924.
Friends Council for International Service, 136 Bishopgate, London E. C. 2.
16 paĝoj, 12×18½ cm. Prezo: 3 pencoj.

**Zürich.** Gvidlibro. Tipografejo Juchli & Beck.
16 paĝoj, 12×17½ cm. Prezo: 0,40 sv. fr.

**Oficiala Klasika Libro** de Esperanto. Franca, angla kaj germana parto. Kolekto de la Akademio. *E. Grosjean-Maupin.*
Esperantista Centra Librejo, 51 Rue de Clichy, Paris, 9e.
120 paĝoj, 10×15½ cm. Prezo: 3.— fr. fr.

**Keinotekoisen yhteiskielen mahdollisuuksista ja esperantosta.** (Parolado: Pri la eblecoj de artefarita komunlingvo kaj Esperanto). *H. Salokannel.* 1924.
Presejo de Ilkka, Vaasa, Finnlando.
16 paĝoj, 11×15 cm. Prezo: 1.— Mk.

**La lengua auxiliar internacional Esperanto.** Corso completo en 10 lecciones, por *Francisco Azorin.* 1924.
Imp. „La Comercial", Cordoba, España.
46 paĝoj, 12½×22 cm. Prezo ne montrita.

**Schlüssel zum Vollständigen Lehrbuch der Welthilfssprache Esperanto.** *Dr. A. Möbusz.* 5. Auflage. 1924.
Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin und Dresden.
48 paĝoj, 15×22 cm. Prezo: 1.50 Gmk.

**I. O. G. T.'s Esperanto-Kursus.** 10 undervisningsbreve indeholden de grammatik, orddannelse og opgaver *Ragm. Rian.* 1923. Trondhjem, Ny Tids Trykkeri.
42 paĝoj, 14½×22½ cm. Prezo ne montrita.

**Internacia Esperanta Ludkartaro.** (Kartoj kun geografiaj etnografiaj kaj heraldaj emblemoj, kun ludregularo).
I. E. L. kartcentrejo, Budapest, Hungarujo, Poŝto 112, kesto 11. 54 kartoj, 12×7 cm. Prezo, kun rekomenda poŝtsendo: simpla: 4.— sv. fr., luksa: 5.— sv. fr. (rabato ĉe opa mendo).

**La Tragedio de l' Homo.** Drama poemo de *Emeriko Madách,* tradukita de *K. Kalocsaj,* (ilustrita) eldono de la Hungara Esperanto-Instituto.
250 paĝoj. 13 × 19 cm. Prezo: 4 kr. (oraj).

 TRA LA MONDO ESPERANTISTA 

## Internacia Centra Komitato.

La Internacia Centra Komitato (C. K.) elektis kiel Konstantan Ĝeneralan Kongres-sekretarion S-ron Robert Kreuz kaj kiel vojaĝantan propagandan sekretarion S-ron Andreo Ĉe, ambaŭ talentaj kaj tre sindonaj samideanoj, kiuj bonvolis akcepti tiun helpan taskon al C. K. por antaŭenpuŝi nian aferon.

---

## Alvoko al ĉiuj amikoj de Esperanto.

La Centra Komitato jam funkciis dum pli ol unu jaro, kaj sukcesis, malgraŭ siaj malfortaj rimedoj, reprezenti la Esperantan movadon antaŭ registaroj, la Ligo de Nacioj kaj gravaj internaciaj organizoj laŭ maniero ĝis ĝia kreo tute ne ebla. Ĝi ankaŭ organizis konferencojn kaj faris aliajn gravajn laborojn por Esperanto. Ĝi subtenis per mono la lingvajn instituciojn. Ĝia unua bilanco prezentita al la Kongreso de Esperanto en Vieno montris por la unua fojo la manieron laŭ kiu la mono kolektita de la Esperantopopolo por internacia propagando estas uzita. La kaso estas tre ekonomie administrata. Ĝi ne elspezas ion por lupago de oficejo kaj nur malgrandan sumon por helpantoj.

En la nuna tempo la mono ricevita de UEA kaj la naciaj societoj estas tute ne sufiĉa por la gravaj postuloj de la laboro kuŝanta antaŭ la Komitato.

La posedo de 10000 svisaj frankoj donus al C. K. sufiĉe fortan pozicion per entrepreni gravan propagandon.

Amikoj de Esperanto en ĉiuj landoj estas urĝe petataj sendi mondonacon al la estro de l' financa fako.

*W. M. Page,*
31, Queen Street, Edinburgh.

---

## KRONIKO.

### Aŭstrio.

**Averto kontraŭ esperantisto.**

La samideanoj de Wien avertas kontraŭ esperantisto Alfred Siebenschein, kiu de kelkaj jaroj kaj ĉefe lastatempe misuzas la fidon de samideanoj. Plendantoj turnu sin al la enketanto S-ro Alfred Klein, Pazmanitenstr. 10, II, Wien II.

*Linz a. D.* La movado progresas videble sub gvidado de policinspektoro Meisleder kaj S-ro J. A. G. Schmidt auf Altenstadt.

*Wien.* Komencigis kursoj por urboficistoj kun 450 personoj. Oni fondis „Esperanto-Organizo de la Postenhavantoj de urbo Wien" *) por akceli tiun laboron.

### Belgio.

*Bruges* (Brugge). Komenciĝis nova kurso de la grupo.

### Britlando.

*Intereso de Rotariaj Kluboj.* La diversaj Rotariaj Kluboj iĝas pli kaj pli interesaj koncerne Esperanto. Nelonge S-ro Rhodes Merriot parolis pri tio ĉe Rotaria Klubo en Buxton. S-ro J. Merchant faris similajn paroladojn en Sheffield, Wakefield kaj Doncaster kaj esperas iri al multaj aliaj urboj en la estonteco.

Tre bonaj raportoj sekvis ĉiujn paroladojn. Unu rezultato de la raportoj estas, ke oni ricevis inviton por skribi la artikolon de 2000 vortoj por la Internacia Rotaria Klubo en Chicago, kiu havas pli ol 100.000 legantojn. La redaktoro skribis, ke li mem tre deziras helpi la akcepton de Esperanto en ĉiuj Rotariaj Kluboj, tiel ke ili povos pli facile disvastigadi siajn ideojn tra la mondo.

### Bulgario.

*La bulgara „Verda Semajno".* La bulgaraj esperantistoj ekpensis tre trafan manieron por propagandi. Ili jam dufoje aranĝis tiel nomatan „verdan semajnon". La lasta okazis dum novembro kaj komencis en Sofio kun granda propaganda kunveno en la universitato. (Multkoloraj afiŝoj sur la muroj de la urbo laŭdadis la utilecon kaj facilecon de nia lingvo.) Ĉi tiun kunvenon prezidis S-ro profesoro Fadenhecht, konata bulgara eksministro (membro de UEA). La ĉiam agema gvidanto de nia movado, S-ro Atanatov (Ada) faris tre instruigan paroladon pri la stato de la tutmonda esperanta movado en ĉiuj fakoj. S-ro Aktarĝiev (eksprezidanto de B. E. S.) paroladis pri la lingvo mem. Du fremduloj (germana S-ro Bär kaj hungara S-ro Naghy) bonege kaj sukcese rakontis pri la utileco de la lingvo dum vojaĝo kaj por internaciaj rilatoj.

Dum la verda semajno okazis senpaga tritaga kurso (gvidita de S-ro Ada), post kiam pli ol 80 personoj enskribiĝis por la dumonata kurso.

La verda semajno finiĝis ankaŭ per dua granda propaganda kunveno en la sama salonego. Prezidanto estis S-ro profesoro Arnandov, bulgara scienculo, esperantema. S-ino Lidia Ŝiŝmanov rakontis pri siaj impresoj dum la lastaj tri kongresoj (Rusĉuk, Arad, Wien). St. Minkov (delegito de UEA) raportadis pri la utileco kaj la agado de UEA.

La plej malgranda samideaneto, naŭjara fileto de S-ro Kirkov (prezidanto de la Sofia sekcio) interparoladis *fluege* kun fremda gasto, amuzigis kaj kontentigis la publikon, montrante kiel facile la infanoj fernas kaj uzas bonege Esperanton.

En la provinco ankaŭ ĉie okazis propagandaj kunvenoj kaj kursoj.

*Kirĝali.* S-ro Tenĉev laboras energie. Laŭ lia instigo estas fondita la grupo „Stelo" kaj du aliaj grupoj „Esperanto-Domo", unua ŝtono solene estis metata en novembro. „Stelo" nun kalkulas 60 gemembrojn.

### Franclando.

*Castelnaudary.* Dum sia vojaĝo al Toulouse S-ro René Llech varbis novan esperantiston, kiu loĝas en Castelnaudary. Oni petas sendi propagandilojn al tiu samideano, S-ro Ambroise Carrère, distillateur, 9 route de Careassonne, Castelnaudary (Aude).

*Lyon.* Ĵus fondiĝis en Lyon nova societo „Stela Klubo Esperantista kaj Literatura". Ĝi kunigas gejunulojn kiujn interesas tiuj du temoj kaj ĝiaj celoj estas:

1. Studo de Esperanto-literaturo kaj de fremdaj literaturoj per Esperanto.

2. Propagando de Esperanto inter la intelekta gejunularo kaj precipe inter la studentoj.

La klubo kunvenas ĉiuvendrede vespere en rezervita ĉambro de la Lyon'a Beletristika Fakultato kaj S-ro Ehrard, dekano de tiu fakultato, akceptis la honorprezidantecon.

La prezidanto estas S-ro Ch. Despeyroux, beletristika licenciato, kaj la sekretario S-ro J. Dupraz, studento ĉe la beletristika fakultato.

La „Stela Klubo" plezure akceptos „Membrojn-korespondantojn" en ĉiuj landoj, de kiuj neniu kotizo estos petata, sed nur literatura kontribuo.

Ĉiujn informojn donos la sekretario: S-ro J. Dupraz, étudiant, Facultés des Lettres, Lyon.

— La Grupo Esperantista de Lyon solenis la datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, dediĉante sian kunvenon de

*) Noto de la red. Ni ne komprenis la titolon de tiu nova organizo. Evidente temas pri organizo de urboficistoj (ofic-havantoj).

16. 12. al la memoro de la Majstro. Ĉirkaŭ 50 personoj ĉeestis kaj aŭdis diversajn paroladetojn. Speciale rimarkitaj estis memoraĵoj de S-ino Farges pri la Majstro kaj dokumentita parolado de S-ro Poncet pri „D-ro Zamenhof kaj UEA". La vespero finiĝis per opa kantado de la Espero.

— La „Stela Klubo" solenis tiun saman datrevenon dum sia kunveno de vendredo 19. 12. Post malfermaj paroloj de S-ro Desferpoux, S-ro Richard Levin resume rakontis pri la vivo de Zamenhof kaj diris kelkajn eltiraĵojn de lia poezia verko.

Ĉeestis kelkaj literaturaj kaj sciencaj studentoj kiuj montris viglan intereson kaj aliĝis al la klubo.

*Paris.* La Asocio Descartes en Parizo jam organizis kvar kursojn por partoprenontoj en la Pariza Foiro tiamaniere, ke ili povu klarigi *esperante* al la vizitontoj pri siaj komercaĵoj.

*Perpignan.* Sabaton, 29 novembro, por la kvina fojo ĉe filantropa koncerto, antaŭ publiko ne esperantista, Amika Rondo de Perpignan ludis la propagandan komedion „L'Heritage Klodarec" de nia samideano F. de Mesnil. La gazetaro favore raportis

Je la okazo de la datreveno de la naskiĝo de nia Majstro kaj de „Amika Rondo" la esperantistaro de Perpignan organizis festenon bone sukcesintan.

*Toulouse.* La 14. 12. okazis en Hotel de Paris festeno je la okazo de la datreveno de la naskiĝo de nia kara Majstro. Esperante parolis S-roj Komandanto Caujolle, Beaumel, Roy Marty, Llech.

*Versailles.* La 31 oktobro S-ro Guadet, profesoro ĉe la liceo faris paroladon en la urbdomo pri lingvo internacia kaj Esperanto. Cent personoj ĉeestis, inter kiuj multaj gejunuloj.

## Germanio.

*Berlin.* La semajna eldono de „Berliner Tageblatt" (eksport-eldono) de post januaro nunjara enhavas rubrikon „Komerca Informaro en Esperanto", kiun redaktas S-ro Ellersiek. Jen grava sukceso, ĉar la eksport-eldono de „B. T." estas multe legata en la tuta mondo. Efika propagando de „Berliner Börsenkurier". Ni ricevis tre impresan specialnumeron de tiu vaste disvastigita gazeto kun detala artikolo pri Esperanto kaj bildoj de famaj esperantistoj. Kiel oni informis nin de nun aperos regule Esperanto-kurso en la aldono de tiu gazeto. „B. B." estas la dua granda ĵurnalo de Berlin, kiu fervore okupas sin pri Esperanto.

*Bremen.* La je la 6. 9. fondita Vendreda Klubo havis sian ĝeneralkunvenon je la 15. 12., en kiu oni elektis S-ron D-ron C. Renken, prez., S-ron H. Barkhaŭsen, sekr., kaj S-ron H. Ke ler, kas. La unuan lundon de ĉiu monato laborkunsido ĉe la prezidanto D-ro C. Renken, Auf den Häfen 26, kaj la trian lundon propagandkunsido en la „Jacobi-Halle", Jacobikirchhof, vespere de la 8ª ĝis la 10ª. Esperantistojn trapasontajn nian urbon ni kore invitas al vizito de niaj kunsidoj. Skribaĵojn bonvolu adresi al la sekretario: H. Barkhaŭsen, Bremen 9, Fiegenstr. 11.

*Dresden.* Loka unuiĝo. En la monata kunveno, la 26. 11., en „Italienisches Dörfchen", raportis la nova 1. prezidanto, S-ro J. Karsch, pri tri fidelaj gesamideanoj, kiuj mortis en la lasta monato: F-ino Elis. Heyne, kantoro em. W. Schimmel kaj P-ro D-ro J. Bernhard. Plue pri la diversaj kongresoj en la venonta jaro. Laŭ propono de la komercista grupo oni elektis la ĝisnunan prezidanton S-ron J. Engst kiel honormembron. La plej grandan parton de l' vespero pleniĝis la humorplena parolado de S-ro Rösch pri sia 10-taga migrado tra „Harz" kun belaj lumbildoj.

*Euskirchen.* La loka grupo „Obstine antaŭen" fondita en januaro 1924 havas nun 30 membrojn. En oktobro komencis du kursoj por komencantoj kun entute 46 partoprenantoj. Kursgvidanto: telegrafa inspektoro E. Kind, del. En sia lasta monata kunveno la grupo decidis aliĝi al UEA kiel MS. Dum marto la grupo projektas grandan propagandan ekspozicion por atingi la enkondukon de nia lingvo en la ĉi tieajn lernejojn kaj ĝi korege petas la tutmondan samideanaron pro esperantaĵoj sendotaj al S-ro E. Kind, del., Euskirchen (Germanujo). Vidu ankaŭ anonceton sub „Petoj kaj proponoj".

*Halle a. S.* Dum novembro komenciĝis 3 kursoj por komencantoj kun entute 33 partoprenantoj.

La ĉi tiea „Gazeto por Fremduloj kaj Trafiko", aperanta dufoje semajne, publikigas sub rubriko „E.-sciigoj" E.-notojn. Eksterlandanoj petu informojn en Esperanto.

*Heidelberg.* La 27 novembro komenciĝis en Rhein. Handelslehranstalt Esperantokurso por komencantoj. Gvidanto estas S-ro ĉefinstruisto Scherzinger. Partoprenas 16 personoj.

*Homberg* (Rejno). S-ro Ewald Desch, delegito de UEA, komencis novan kurson kun 5 personoj.

*Köln.* Instruisto Hans Dahmen el Horrem b. Köln, vigla defendanto de nia afero, donas kurson por preparado al Esperanto-instruo. Partoprenas 26 personoj. La kurso bazas sur specialaj spertoj en la instruado kaj havas kiel specialan celon la kvalitan plibonigon de kursgvidantoj, kiuj ne estas profesiaj instruistoj.

*Saksa Esperanto-Ligo.* La refondo de la Saksa Esperanto-Ligo okazis la 2. 11. en Chemnitz. La germana kongreso (pentekoste 1924 en Plauen) komisiis urban juran konsiliston Feder kaj kelkajn helpantojn kun la preparoj por refondado. Tiu ĉi komisiono konscience laboris. La fondadkunvenon partoprenis multaj reprezentantoj de saksaj Esperanto-grupoj kaj izoluloj. Ankaŭ D-ro Steche (prezidanto de G. E. A.) kaj la direktoro de la Germana Esperanto-Instituto, Prof. D-ro Dietterle, ĉeestis. La salutvespero okazis la 1. 11. En la ĉefkunveno (2. 11. en „Meistereck") oni priparolis kaj decidis unuvoĉe la refondadon de la S. E. L. Ĉeestis ĉk. 50 partoprenintoj el 30 saksaj lokoj. La ligo celas konatigi kaj kunligi en malvasta teritorio de Germanlando ĉiujn esperantistojn. Oni elektis kiel prezidanton S-ron urban juran konsiliston Feder-Chemnitz kun la devigo, mem formi la estraron.

*Solingen.* Okaze de granda reklam-aranĝo „Trafika Semajno" la samideanoj de Solingen aranĝis reklam-aŭtobuson por Esperanto, kiu kunveturis en vico de pli ol 150 veturiloj. Per grandaj afiŝoj oni invitis al nova kurso. Propagandoparoladon faris S-ro instruisto Giessmann, Krefeld.

## Hispanio.

Ĉie estas vigla la movado, precipe en Bilbao, Baracaldo, Gijón kaj super ĉio en la Valencia regiono kaŭze de la sukcesinta kongreso.

Grava akiro por Esperanto estas la ĉiumonata gazeto „Revista Técnica de la Guardia Civil" (Hispana ĝendarmaro). Ankaŭ ĉiumonata gazeto de la Madridaj studentoj „El Aula" estas varbita por Esperanto. Kurso de S-ro Mangada Rosenörn okazas en Militista Klubo.

## Hungario.

*Mezőkövesd* (Borsodm). S-ro Stefano Gulyas, del., klopodadas disvastigi nian lingvon kaj speciale turnis sin al aŭtoritatoj por helpo. Kurso estas projektita.

## Italio.

*Torino.* Ĉe la vasta salono de la Torina Komerca Ĉambro, antaŭ pli ol tricent ĉeestantoj S-ro Gr. Of. Advokato G. Giani faris la 4 n. l p. gravan paroladon pri Esperanto: „La lingvo de la internaciaj rilatoj".

Prezentis la oratoron la Piemonta Provizanto por la studoj, Kom-ro Pr. Renda, kiu, laŭdinte la nelacigeblan fervoron de

adv. Giani, kies aŭtoritato en la fako de la publika instruado estas fame konata, proklamis sian tutan interkonsenton al la esperanta movado.

Estas notinde, ke adv. Giani, tiel lerta esperantisto, kiel favora propagandisto, nuntempe sukcesis je la enkonduko de Esperanto en la Torinaj publikaj lernejoj. Dank' al sia granda aŭtoritato kaj kompetenco li proponis kaj sukcesis ricevi de la Torina urbestraro la malfermon de unugrada eksperimenta kurso, kiun li mem gvidas. Tridek gelernantoj, dek—dudek jaraj, elektitaj inter la urbaj publikaj lernejoj, sekvas la kurson.

Ĉe la lernejo Pacchiotti en Torino oni malfermis novan unugradan kurson, gvidatan de la samideano Morri, aliaj kursoj, unu- kaj dugradaj, post ne longe sekvos.

La 15. 12. samideano inĝ. Muretti publike paroladis — okaze de la 65a datreveno de la naskiĝo de nia Majstro — pri „La vivo de D-ro Zamenhof".

*Udine.* La 27. 11. okazis en sidejo de Friula Oficistar-Unuiĝo jarkunveno de la Udine-a Esperanto-Grupo. Oni diskutis diversajn aferojn inter, kiuj ankaŭ tiun pri la okazonta inaŭgurfesto de la grupa flago.

Por la venonta jaro estis elektitaj: prez. s-no Johano Della Savia; vicprez. s-no librotenisto Celeste Giordani; sekr. s-no Galliano Dolce; kas. s-no Artuso Romano; membroj: instruisto Mario Cavagna, Gabai Galliano, Monterisi Franco.

*Roma.* En decembro komenciĝis du novaj kursoj

## Japanlando.

*Unua Kongreso Esperantista de Centra Japanio.* La 2. novembro estas memorinda por samideanoj en la centroparto de Japanio, ĉar la de ili entuziasme atendita Unua Kongreso Esperantista de Centra Japanio estis aranĝata je tiu tago.

Por ĉeesti la kongreson frumatene el Tokio alvenis niaj estimataj gvidantoj, nome D-ro Ramstedt, profesoro de Helsinki-Universitato kaj Finlanda ambasadoro en Japanio, kaj S-roj Ossaka, Tojokaŭa, Ŝindov, Hasegaŭa kaj Ŝibata. Kaj multaj samideanoj kolektiĝintaj el lokoj malproksimaj kaj proksimaj sub la standardo verdostela. Al ili estis donacataj je enirejo du ĵurnaloj, „Sin Aiĉi" kaj „Nagoja-Ŝimbun", kiuj ambaŭ enhavas rubrikojn esperantajn; iu librovendejo de Nagoja donacis verdstelajn insignojn. Kolektiĝis pli ol cento da samideanoj en la kongresejo — salonego de Urba Domo de Nagoja. (600.000 loĝantoj.)

Je 9.30 S-ro D. Satoh malfermis la kongreson kaj ĉiuj partoprenantoj ĥorkantis la Kimigajo — japana nacihimno — unue japane kaj due esperante, kaj S-ro S. Toojama, la prezidanto de la kongreso, oficiale proponis rekomendiĝi S-ron Tasaka, la Nagojan urbestron, kiel honoran prezidanton. La propono estis akceptata kun granda aplaŭdo.

S-ro Tasaka staranta de sur la estrado faris poste salutparoladon.

Li parolis dum preskaŭ duonhoro pri disvastiĝa stato de Esperanto.

Sekvis D-ro G. J. Ramstedt sub grandega aplaŭdo kaj faris ĝojsaluton en lerta Esperanto-parolado.

Post salutoj de ĵurnalistoj de „Ŝin-aiĉi" kaj „Nagoja-Ŝimbun", mallonge salutis esperante aŭ japane reprezentantoj de lokaj esperantistoj.

S-ro Yamada laŭtlegis ĉirkaŭ dudek festotelegramojn senditajn de diversaj distriktoj. La programo progresis al „Paroladetoj de kongresanoj". Unue S-ro Ossaka, la plej bonkonata potenculo en la esperanta rondo japana ĉarmigis ĉiujn aŭskultantojn per tre lerta salutoparolado farita en Esperanto. Due S-ro Yoshi Ishiguro ankaŭ salutis esperante.



Grupa bildo: *La oficiala delegitaro kaj la eminentuloj en la Unua Kongreso Esperantista de Centra Japanio en Nagoja.*

(La korespondaj numeroj komenciĝis maldekstre)

Unua vico: 1. S-ro Tojozoo Saigoo. 3. S-ro Joŝio Mijazima. 4. S-ro Hiroshi H. Yamada. 11. S-ro J. Ŝibata, ĵurnalisto. 12. S-ro S. Aŭata.
Dua vico: 1. S-ro Akira Cunekaŭa, ĵurnalisto. 2. S-ro R. Joŝii. 3. S-ro Keiiĉi Takeŝima. 4. S-ro Cch. Satoh. 5. S-ro Seigo Tovjama. 6. S-ro Haruo Kuraĉi. 7. S-ro Yoshi Ishiguro. 8. D-ro G. J. Ramstedt. 9. S-ro Kenĵi Ossaka. 10. S-ro A. Torii, blindula esperantisto. 11. S-ro Kijoŝi Cmaizumi.
Tria vico: 5. S-ro K. Kuromija, vilaĝestro de Saja, naskiĝa vilaĝo de S-ro K. Katoo, nuna ĉefministro. 8. S-ro Seitaroo Ŝindo. 9. S-ro Aŭaibara.
Kvara vico: 8. S-ro Kimmacu Ŝiraki.
Kvina vico: 6. S-ro Takeo Sugiura, parlamentano. 15. S-ro T. Naitoo. 16. S-ro G. Niŭa.
Sesa vico: 1. S-ro S. Itoo. 2. S-ro K. Takahaŝi. 3. S-ro J. Katoo. 4. S-ro K. Nakauĉi.

Trie S-ro Kuraĉi laŭdis Unuiĝon de tutjapanaj esperantistoj. Sekvis Sro H. H. Yamada, kiu proponis fondiĝon de la Ligo de Centro-Japana Esperantistaro kaj tio estis akceptata sub aplaŭdo de ĉiuj kongresanoj. Laŭ la pero de S-ro Toojama, prezidanto, la konkretaj problemoj estis komisiataj al la delegitoj. Poste S-ro J. Joŝii, instruisto, anoncis esperante sian opinion, por gajni veran pacon internacian.

Fine S-ro A. Torii, favora blindula esperantisto, partpreninta de urbo Cu, lerte kaj flue legis leteron, kiun sendis fremda esperantisto blindula, per la tuŝsento de liaj fingroj kaj faris paroladon, ĉiujn ĉeestantojn kortuŝintajn.

Poste oni ĥorkantis „La Espero'n", kaj S-ro K. Ŝiraki fermis la kongreson. Poste la kongresanoj estis fotografataj.

De la 13 horo propagandaj paroladoj estis malfermataj en la Urbodomo antaŭ 300 aŭskultantoj. La parolintoj kaj la temoj estis:

1. Malfermaj salutoj de S-ro S. Toojama, delegito de Nagoja Esperanto-Asocio.
2. Kontraŭagema tendenco nuntempa kaj lingvo internacia de S-ro Yoshi Ishiguro, delegito de UEA.
3. Lasta cirkonstanco de la diplomatio kaj Esperanto de S-ro Takeo Sugiura, parlamentano de Japanio.
4. Plibonaj kaj malplibonaj punktoj de diversaj nacilingvoj de S-ro K. Takahaŝi, delegito de UEA.
5. Eŭropo post la milito de D-ro Ramstedt (esperante). Interpretis S-ro H. Kuraĉi, delegito de J. E. I.
6. Fermaj salutoj de S-ro Nakaŭĉi, delegito de Ligo de Nagoja Studenta Esperantistaro.

De la 19a horo komuna vespermanĝo komenciĝis en la Nagoja-Hotelo kun ĉirkaŭ 50 partoprenantoj. D-ro Ramstedt kaj aliaj potenculoj esperantistaj ankaŭ ĉeestis.

*Hiroshi H. Yamada,* delegito de Japana Esperanto-Instituto.

## Nederlando.

*Groningen.* La 22 oktobro komenciĝis du kursoj en tiu ĉi granda komercurbo kun 42 gepartoprenantoj, gvidataj de S-ro P. van Dokkum, Veendam, delegito de UEA.

*Hago.* La 13 decembro la Haga Esperanto-Grupo organizis bone sukcesintan festvesperon. Bonaj aktoroj ludis du unuaktajn teatraĵojn. Muziko, kantado kaj lumbildoj pri la Esperanto-kongresoj igis la vesperon interesa. La kantisto aŭdigis la novan „Esperantuja Kanto", vortoj de S-ino Roshes kaj bonega muziko de la konata komponisto Hugo Nolthenius.

*Leiden.* S-ro Isbrücker parolis en Popoldomo pri Esperanto kaj post lia elokventa parolado kurso estis fondata. Nun en la Popoldomo okazas 2 novaj kursoj kaj unu por progresintoj.

S-ro Massaar gvidas kurson de 18 anoj el la junula organizajo. S-ro Hoope gvidas kurson en sia hejmo (9 anoj). S-ro Massaar, Kolderman kaj W. Wesselius ankaŭ gvidas kursetojn hejme.

*Veendam.* Antaŭ nelonge du vesperaj kursoj malfermiĝis kun entute 24 kursanoj sub la gvidado de S-ro P. van Dokkum, estro de la Veendam'a lernejunuiĝo.

## Pollando.

*Bielsk.* **Oficiala akcepto de Esperanto per politika partio.** La kongreso de la Germana Socialdemokratia Partio en Pollando akceptis unuanime rezolucion proponitan de S-ro Pankratz, deputito de la pola parlamento, kiu konsiderante la gravecon de Esperanto rekomendas al la membraro la studon de Esperanto kaj alvokas eksterlandajn sampartianojn fari la samon. Soc. grupoj en Katowice, Krolewska, Huta kaj Bielsk tuj petis informojn pro starigo de kursoj. Kurso de 25 partoprenantoj jam komenciĝis en Bielsk.

*Boryslaw.* En ĉi tiea gimnazio fondiĝis laŭ permeso de gimnazia direktoro S-ro Gerstman Esperanto-Grupo kaj komencĝiis kurso kun 16 partoprenantoj (erare raportinte al E. T. 13 p.) Instruas gimnaziano S-ano Rattner. Tutmonda gesamideanaro estas petata alsendi esperantaĵojn, laŭ adreso: Boryslaw, Polujo, „Gimnazia Esperanto-Grupo".

— La gegrupanoj propagandas laŭ speciala metodo per esp. interparolado dum promenoj, en restoracioj ktp. Dum lastaj monatoj 3 kursoj kun 45 partoprenintoj finiĝis. Kvar novaj kursoj ĵus komenciĝis.

## Rumanio.

*Arad* (Banato). Nova Esperanto-kurso okazas en la ŝtata mez-lernejo „Iosif Vulcan".

*Bukureŝto.* En la normala lernejo „Elena Doamna" (preparejo de instruistinoj) komenciĝis kurso de Esperanto, deviga por la superaj klasoj, fakultativa por la ceteraj. La direktorino de la instituto estas S-ino Isabela Sadoveanu, studinta iam en la Instituto J. J. Rousseau en Ĝenevo ĉe P-ro Bovet. La kurson gvidas S-ro Henriko Fischer ĉiun ĵaŭdon.

S-ro Tiberio Morariu, instr. de Esperanto ĉe la Policoficira Lernejo, komencis unujaran servon militistan.

*Cluj* (Transsilvanio). Nova kurso por rumana kaj hungara inteligentularo. Instruas S-ro prof. G. Cornea. Partoprenas 18 personoj.

La Komerca kaj Industria Ĉambro bonvolis disponigi al la Klubo Esperantista klubejon kun senpagaj lumigo kaj hejto. Kunvenoj okazos de nun ĉiun dimanĉon inter la horoj 17-22. Adreso: Calea Victoriei No. 51.

*Focŝani.* Je la iniciato de S-ro P-ro D-ro I. Danila komenciĝis kurso tre bone vizitata. Instruas ĉiun dimanĉon S-ro M. Wurmbrand el Bukureŝto.

*Radauti* (Bukovino). Nova kurso por 10 personoj. Gvidas S-ro Siegfried Hoerer.

*Roman.* Grupo de studentoj en la Agrikultura Lernejo lernas Esperanton.

## Saar-teritorio.

*Esperanto-Ligo Saarteritoria.* La vintra agado komenciĝis. La 5 oktobro 1924 granda propaganda kunveno en Wiebelskirchen; paroladis S-ro Omlor. Krom tio esperantaj kantoj kun liuto de S-ro Kolon kaj kantoj de infanoj.

La 26 oktobro 1924 en Ottweiler ĝenerala kunveno de la ligo. La prezidanto konigis la fondiĝon de 3 novaj grupoj: St. Ingbert, Wiebelskirchen, Niederlinxweiler. La grupestroj raportas pri novaj kursoj en St. Ingbert, Neunkirchen, Wiebelskirchen, Niederlinxweiler, Friedrichsthal kaj Völklingen. La liga sekretario informas pri fondo de ekzamena kaj gazeta komisionoj. — Sekvis amuza parto, en kiu prezentiĝis teatraĵoj, kantoj kun liuto kaj deklamaĵoj. La tre bone vizitita kunveno finiĝis per dancado.

En Saarbrücken okazas kurso en supera komerca lernejo.

## Sudslavio.

*Dubrovnik.* Ĵus aperis nacilingva propaganda broŝuro de la loka kluba prezidanto S-ro D-ro T. Velnić. Multaj enlandaj kluboj kaj izolaj esperantistoj ĝin mendis. Malfermiĝis novaj kursoj gvidataj de S-ro Monić.

*Grohote.* La 30 septembro okazis festo de la grupeto. Paroladis S-ro Rubčić, Delegito de UEA, el Split. Bone ludita komedieto ridigis la ĉeestintojn. Novan kurson sukcese gvidas S-ro Jakov Mladinov, lignaĵisto. Menciinde estas, ke multaj infanoj lernas Esperanton. Klubo fondota.

*Janjina.* S-ro Dinko Baselli transloĝiĝis al Metkovic. La 7 septembro la klubo aranĝis amuzvesperon, kiun partoprenis pli ol 300 personoj. S-ro D-ro N. Ivanovič paroladis pri Esperanto, post kio la kluba vicprezidantino F-ino A. Glavovič fajre deklamis. S-ro Marinovič, la kluba sekretario, fariĝis sekretario de la loka komunumo.

*Komiža.* Kurso gvidata de S-ro P. Bogdanovic (20 p.)

*Metkovič.* La urba sekretario, S-ro Dinko Baselli, delegito, jam konata kiel prezidinto de la klubo en Janjina, tre vigle propagandas. La 15 novembro malfermiĝis kurso. Paroladon faris S-ro prof. Nikola Jerič. Ĉeestis lerneja inspektoro V. Jakulič kaj burĝlerneja direktoro S-ro J. Gluščevic. Partoprenantoj de la kurso estas el ĉiuj sociaj klasoj.

*Niš.* S-ro A. Borčic, del., loĝanta en Pospilje, dufoje semajne piediras po 16 km. por gvidi kurson en Niš (28 p.) Post la kurso oni starigos klubon.

*Podgora.* La Del. UEA S-ro Ŝimun Sumič klopodas per siaj tutaj fortoj, ke Esperanto enradikiĝu en nia malgranda vilaĝo, precipe inter infanoj.

*Split.* Kurso por laboristoj gvidata de S-ro A. Margetic. Krom ĝi okazas kurso por gekleruloj gvidata de S-ro J. Coffon. En la ĉirkaŭaĵo kursoj estas gvidataj: en Kaštel Gomilica de S-ro Cortese, en Solin de S-ro Roje, en Kaštel Kambelovac de S-ro Zavores. Baldaŭ malfermiĝos kurso por poŝtoficistoj kaj komercistoj. La movado entute tre kontentige progresas. Gvidfolio tra Split, mendebla ĉe Turista Oficejo, Split, Peristel (prezo 0,75 sv. fr.)

*Ston.* Al S-ro P. Droiš, kiu jam bone propagandis Esperanton sur insulo Korčula, ni dankas fortan movadon en nia urbeto. Esperanton lernas 2 pastroj kaj multaj infanoj, entute 26 personoj.

## Paragvajo.

*Asunción.* Iom post iom komenciĝas propagando por nia afero en kelkaj lokoj, helpata de samideanoj en Urugvajo. Oni klopodas pri kurso en Ruĝa Kruco.

## Urugvajo.

S-ro Fernandez gvidas kurson en „Museo Pedagogico“. Finiĝis kurso en „Sociedad Italiana“. Aperis kelkaj gazetartikoloj favoraj al nia afero.

---

!

**Ĉu**

*vi repagis vian kotizon kaj abonon!*

*Se jes,*

*dormu trankvile, se ne ...........*

¡

---




**Germanio.**

*Elberfeld.*

Rektoro Trabach gvidas kurson por lernantoj de ambaŭ realgimnazioj.

*Fulda.*

En la gimnazio studokonsilisto D-ro Westenberger donis kurson al 20 lernantoj.

En la popola universitato funkcias kurso kun 43 partoprenantoj, inter kiuj troviĝas nombro da geinstruistoj.

*Görlitz.*

Supera studokonsilisto Prof. Tettloff gvidas kurson en la supera reallernejo. S-ro Ripke gvidas kurson de 40 lernantoj en libertendenca lernejo.

*Homberg a. Rh.*

En la popollernejo de post Pentekosto okazas kurso plej sukcesa kun 17 geknaboj.

*Magdeburg*

Esperanto estas enkondukita en la komercan lernejon de A. Bruck.

**Hispanio.**

*Madrid.*

S-ro Mangada-Rosenörn donas kurson en lernejo de la ĉefurbo hispana. 80 infanoj de supera kaj meza gradoj lernas nian lingvon.

**Hungario.**

*Miskolc.*

La direktoro de la popola porvirina ĉeflernejo metis Esperanton en la instru-programon por la vintraj monatoj. Profesoro König gvidas kursojn kun 230 aŭskultantoj entute.

**Italio.**

*Roma.*

Ĉe popola universitato akademiano Migliorini parolis al 50 komencantoj pri neceseco de lingvo internacia.

**Litovio.**

*Panevežys.*

En lernejo 40 lernantoj partoprenas kurson.

**Usono.**

*Minnesota (Minneapolis).*

Ĉe la universitato de Minnesota, Minneapolis (U. S. A.) oni instruas Esperanton en vespera kurso al klaso kun 15 partoprenantoj.

---




**Ni petas la samideanaron nepre informi nin pri ĉiu Esperanto-aranĝo en radio-sfero.**

☆

*Minneapolis (Minn.)*

Dum la internacia radio-semajno en Minneapolis (Usono) tri profesoroj de la universitato brodkastis laŭvice. Oni komencis kaj finis ĉiun programon en Esperanto.

*Münster i. W. (Germanio).*

La 23 kaj 29 decembro, je la 8 h. vesp., la stacio de Münster prezentis tri germanlingvajn paroladojn pri Esperanto al sia aŭdantaro. Paroladis D-ro Marquard de la universitato de Münster, studkonsilisto D-ro Wullen, Bochum kaj rektoro Dobke, Bochum. La 29 decembro ankaŭ okazis parolado pri Ido. La stacio nun disaŭdigas ĉiun merkredon kurson de Esperanto, post kiam al demando alvenis sufiĉe da aproboj de la aŭskultintaro. Ondolongeco 410, 10—10,45 h. vespere (M. E. T.)

*Lille (Franclando).*

La 11 decembro Lille prezentis paroladon pri Esperanto kun koncerto.

*Fondo de Germana Radio-Esperanta Ligo.*

Konsiderinda sukceso atingita okaze de radio-disaŭdigo en Esperanto de la stacio de Königswusterhausen estas la fondo de Germana Radio-Esperanta Ligo tuj post la finita programo. La estraro de la Ligo konsistas el jenaj personoj: telegraf-direktoro Behrendt, prez.; telegraf-direktoro Gerlach, direktoro de la stacio Königswusterhausen, vicprez.; D-ro Liebeck, 1. sekr.; urba jurkonsilisto Feder el Chemnitz (kiu hazarde ĉeestis la prezentadon kiel gasto), 2. sekr.; S-ro Ellersiek, kasisto. Ĉiuj Radio-Esperantistoj el Germanio estas petataj, aliĝi al la ligo. Ĝisplue ĝi ne postulos devigan kotizon, sed akceptos nur libervolajn mondonacojn. La ligo celas la enkondukon de Esp. por radio en germanlingvaj landoj. Aliĝ-anoncojn oni sendu al S-ro F. Ellersiek, Wilmsstr. 5, Berlin SW 61.

☆

## Internacia Konkurso.

*„La lingva problemo de Radiotelefonio.“*
G. Bianchi.

*REGULARO.*

1. Scienca kaj literatura Akademio „Mastino della scala“ en Verona, starigas Internacian Konkurson por aljuĝo de Premio Kom. Gaetano Bianchi pri la temo: „La lingva problemo de Radiotelefonio“.

2. La temo devos esti pritraktata en skribaĵo de maksimume 50 paĝoj, 25-liniaj maŝinskribitaj.

3. La verkoj povos esti skribataj en unu el la sekvantaj lingvoj: Itala, Franca, Angla, Germana, Hispana kaj Esperanto.

4. La karaktero de la verko devos esti teoria-praktika, konsideri la spertojn de la lastaj jaroj kaj difini la rilatojn inter la scienca bazo de radiodisaŭdigo kaj la progresoj de ĝia praktika aplikado internacia pere de la homa parolo.

5. La skribaĵoj devos alveni ĉe la Sekretariejo de Akademio „Mastino della Scala“ (Via Trota 6, Verona, Italio) per registrita sendo antaŭ la 1ª de marto 1925. Ili ne estu subskribataj, sed nur signitaj per devizo, ripetota sur fermita koverteto, entenanta la nomon kaj precizan adreson de la konkursanto.

6. La verkoj estos juĝataj dum monato aprilo 1925 de kvinmembra Komisiono, elektita de l' Akademio kiel sekvas: Mons. Prof. Luizo Cerebotani, mondfama scienculo (Verona-München), Adv. D-ro Alberto Gabrielli, del. kons. de l' Akademio Mastino della Scala, Kav. Mario Caratti, radioteknikisto, Inĝ. Emilio Corazza, radio-industriisto (Verona), kaj Nob. D-ro Prof. Umberto Toschi, Direktoro de Mezlernejo, lingvisto (Bologna).

7. Al la plej bona verko estos aljuĝata la premio, konsistanta el arta Diplomo kaj sumo da kvincent italaj Liroj. La Akademio rezervas al si la rajton aljuĝi aliajn premiojn al la verkoj taksitaj kiel indaj.

8. Ĉiuj decidoj de la Komisiono estos sciigataj al la interesuloj antaŭ la 15ª de majo 1925.

9. La Akademio rezervas al si la rajton publikigi per la rimedoj, pri kiuj ĝi decidas, la premiitan verkon kaj la aliajn taksitajn kiel indaj je tio.

10. Ĉiuj proprorajtoj restos tamen al la aŭtoroj.

11. Nenia skribaĵo estos resendata.

12. La membroj de la juĝokomisiono ne povos partopreni la konkurson.

☆

## Unua Internacia Kongreso de Radio.

Okazos en Parizo de 16 aprilo (Paska Jaŭdo) ĝis 20 aprilo 1925 Unua Kongreso Internacia de Radio, kiu konsistos el du samtempaj kongresoj, *Unua Jura Kongreso de la Internacia Komitato de Radio* kaj *Unua Kongreso de la Internacia Unio de Radio-Amatoroj.*

La deveno de tiu duobla Kongreso estas la jena, laŭ cirkulero publikigita de la Organiza Komitato.

Antaŭ kelkaj monatoj S-ro Hiram Percy Maxim, prezidanto de la *American Radio-Relay-League*, pasigis kelkajn tagojn en Franclando. La plej malnovaj francaj radio-asocioj uzis la okazon de lia ĉeesto por esplori kun li, en kia maniero la tutmondaj Amatoroj povus plifortigi la ligilojn, kiuj unuigas ilin, kaj utile labori por la necesa organizado.

Internacia Kunsido, ĉe kiu estis reprezentataj Belgio, Hispanio, Usono, Franclando, Britlando, Luksemburga Duklando, Italio kaj Svislando, poste Danlando kaj Ĉeĥoslovakio elektis Komitaton, kiu alprenis la nomon *Provizora Komitato por la organizo de Internacia Unio de Radio-Amatoroj*, kun S-ro H. P. Maxim, kiel prezidanto kaj D-ro Corret kiel sekretario; ĝi decidis kunvenigi internacian kongreson en Parizo, la venontan jaron, por starigi la projektitan Union, tiu kongreso estas organizata de la asocioj de Radio-amatoroj en Francujo, t. e. la *Franca Radio-Klubo*, la *Societo de Amikoj de Radio*, kaj la *Franca Societo por Studo de Radio.*

Aliflanke, la pli kaj pli granda rolo, kiun ludas nun radiotelefonio kaj radiotelegrafio en la ekonomia, politika kaj arta movado de la nacioj, naskis multajn gravajn problemojn. La reguloj aplikeblaj al la juraj okazoj konstatitaj en la praktiko estas difineblaj interne de ĉiu ŝtato. Sed la naciaj leĝoj, kiuj regas Radion necese devas esti kompletigataj per internacia regularo. En la jaro 1923 fondiĝis en Parizo, Asocio nomita „*Internacia Komitato de Radio*“ por prilabori la internacian regularon de Radio. La komitato konsistas nun el membroj de 27 nacioj kaj interrilatas kun la Ligo de Nacioj kaj multaj internaciaj societoj. Membro de ĝi estas D-ro Privat, ano de la IIª Komisiono de la Ligo de Nacioj.

Por studo de la juraj problemoj starigataj de la aplikoj de radio-elektro, la Internacia Komitato de Radio organizas unuan internacian Kongreson, kiu, kiel ni diris supre, kunvenos en Parizo, samtempe kun la kongreso de la Radio-amatoroj.

Tiu lasta kongreso enmetis en sian tagordon la demandon pri helpa lingvo internacia, kaj la organiza komitato de la du kongresoj, dank' al la klopodoj de la *Internacia Radio-Asocio,* akceptis helpon de nia lingvo por internacie diskonigi la kongresajn aranĝojn kaj varbi kongresanojn en diversaj landoj. Tial ĝi aldonas ankaŭ en esperanta traduko siajn cirkulerojn.

Plej grandan servon la esperantistoj farus al nia afero, se ili konigus tiajn kongresojn al siaj amikoj, radio-amatoroj, kaj tiamaniere pruvos al ili la gravecon de la uzado de nia lingvo sur tiu kampo.



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

---

### La financa stato de UEA.

La pasinta jaro montris ĝojigan progreson de nia Asocio. La membraro kreskis de 6345 al 8267 do de 1922 membroj, dank' al la energia varbado de la Delegitoj, kion ni tie ĉi danke rekonu. La enspezoj en la regula konto transpasis la unuan fojon la impresigan ciferon de **50.000** svisaj frankoj; efektive ni enspezis por kotizoj, anoncoj, entreprenoj la sumon de

58562,36 Frankoj; la jaro 1923 donis enspezon de
44523,39 „ . La kresko de la enspezoj do estas
14038,97 „ kion ni ŝuldas ĉefe al la pliaj

aliĝoj kaj al la plibonigo de certaj eksterlandaj monoj. La elspezoj por 1924 estis

67732,66 Fr.; En 1923 ili estis
52020,95 „ kaj kreskis do en 1924 je
15711,71 Fr. La kresko de la enspezoj de
14038,97 „ ne kompensis la samon ĉe la elspezoj.
Je 1672,74 „ sumiĝas la pli-elspezo kaj sekve la

deficito de la pasinta jaro superas tiun de 1923 je tiu ĉi sumo. La bilanca deficito atingis 6903,18 sv. Fr., kio estas po ano sv. Fr. 0,84.

Konstatiĝis el tiuj ciferoj, ke kun iom da streĉo ni povas atingi la ekvilibron en la financoj, nepra kondiĉo de bona mastrumado. Ni antaŭvidis en nia budĝeto de 1924, aprobita de la Komitato, saman perdon kiel en 1923, kondiĉe ke ni atingu 8700 anojn. La supraj ciferoj konfirmas ekzakte nian kalkulon. La detalan bilancon ni submetas kiel kutime al la la kongreso. Ĉi tie ni volas nur atentigi je pli urĝa problemo.

La Direktoro prezentis al la Komisiono de UEA budĝeton por la jaro 1925, kiu antaŭvidas elspezon de 73000 Fr. en ronda cifero. La kreskanta movado kaj la pliaj taskoj plenumotaj de UEA notinde kreskigas certajn kostojn, ekzemple tiun de afranko por la korespondado, afranko por la ekspedo de la gazeto kaj jarlibro. Konsiderante, ke dum 1924 8000 efektivaj membroj (rondcifere kalkulita sen la 194 Dumvivaj) pagis 54000 Fr., la sumo enspezita por kotizoj, la meza pago de ano estas fr. 6.75, dume ĉe regula pago de kotizo sen favorprezoj ni estus atingintaj mezan pagon de 10 Fr. aŭ sume 80000 Fr. Tia rezultato estus foriginta ĉiun zorgon kaj estus permesinta plibonigi diversajn aranĝojn. La konkludo de ĉio nun dirita: Ni devas kreskigi la nombron de membroj ĝis minimume **10 000** kaj plibonigi la mezan kotizon ricevotan. La unua tasko dependas de la Delegitoj, al kiuj ni direktas varman alvokon denove fari sian eblon en tiu ĉi jaro. Pri la dua neceso ni altiras ĉies atenton al jena fakto:

Kreskigante la nombron de membroj, la elspezoj kiujn ili kaŭzas, sekvos en preskaŭ sama vico. Plie ni devas aldoni la plilaboron necesan por preparo kaj forsendo de miloj kaj miloj da cirkuleroj, registrado de novaj aliĝoj, informado de la Delegitoj pri personoj varbeblaj, kio fine esprimiĝas en pli alta elspezo. Kun normala enspezo de la kotizoj ne ekzistus tia dilemo. Sekvas do, ke iom post iom ni devos atingi, ke ĉiuj anoj pagu la oficialan kotizon en svisaj frankoj; ni jam klarigis, ke tio ebliĝas nur dank' al la financa resaniĝo kaj prezegaliĝo en ĉiuj eŭropaj landoj. La komenco jam estas farita kaj plezure ni konstatu, ke la favoron, kiun ni konsentis dum pasintaj jaroj al tiuj malbonvalutanoj kompensiĝas per multnombraj aliĝoj. Ni devis do altigi la favorajn prezojn, kio plibonigos ĉe sama nombro de aliĝoj la mezan sumon ricevotan. Serioza kalkulo konstatigis tamen, ke tiu natura plibonigo ne sufiĉas por atingi la bezonatajn 73000 Fr. Ekzameninte ĉiun eblecon, ni trovas, ke ekzistas nur unu plia rimedo atingi la ekvilibron. Ĝi konsistas en la varbado de Subtenantaj Membroj, kaj por akceli tiun varbadon la Centra Oficejo decidis, sendi al ĉiu aliĝinto en tiu kategorio belan premion de libroj, laŭ elekto. Al ĉiu abonanto de „Esperanto" ni jam sendis alvokon kaj ni plezure informas, ke respondis tiun alvokon ĝis fino de decembro cent personoj aliĝintaj kiel Subtenantoj. Se el 8000 anoj nur la dekono bonvolus sekvi tiun centon, UEA venkus la krizon en 1925.

Estas al vi ĉiuj, decidi la sorton de la Asocio; ni fidas al via jam ofte montrita oferemo kaj esperas, ke vi multnombre sekvos nian inviton.

---

**Agado 1925.** — La komisiono de UEA ekzamenis kaj aprobis la budĝeton por 1925, prezentitan de la direktoro. Ĝi montras elspezon de 73.000 Fr. ronde. Por enspezi tiun sumon ni faras diversajn klopodojn; pri ili ni informas en la Oficiala nIformilo de venonta monato. Ni altiras vian atenton al la artikolo „La financa stato de UEA", kiu montras la situacion tiel kiel ĝi estas.

**Kotizoj de britaj membroj.** — Ni rememorigas pri la aranĝo en Britlando:

1) La kotizoj estas pagataj de la Delegitoj kaj membroj al la Oficejo de BEA, 17 Hart street, London W. C. 1.

2) Varbante novan anon oni klopodu kiom eble plej multe lin interesigi pri ambaŭ societoj, UEA kaj BEA. Persono, kiu jam estas ano de BEA ankaŭ rajtas la favoran kotizon, kiel sekvas.

3) En la rajtoj de la Delegitoj rilate la makleron sur la kotizoj de UEA nenio ŝanĝis; ili povas se ili volas, depreni la kutimajn 10% de la UEA-kotizo. Por la administrado ili uzu la kutiman membroliston de UEA.

La jena tabelo montras la kunigitan kotizon de la du asocioj.

| | Membro-kategorio | | BEA-Membro | | BEA-Fratulo | | BEA-Asociano | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | A | 10ŝ. 0p. | B | £1 1ŝ. 0p. | C | 2ŝ. 6p. |
| 1 | UEA Membro (M) | 5ŝ | 1A | 15ŝ. 0p. | 1B | £1 6ŝ 0p. | 1C | 7ŝ. 6p. |
| 2 | UEA Membro-Abonanto (MA) | 12ŝ. 6ŝ. | 2A | **£1** | 2B | **£1 11ŝ.** | 2C | 15ŝ. 0p. |
| 3 | UEA Membro-Subtenanto (MS) | £1 5ŝ. | 3A | £1 15ŝ. 0p. | 3B | £2 6ŝ 0p. | 3C | £1 7ŝ. 6p. |

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Buda Bakov* (Ĉeĥoslovakio) — D: S-ro Václav Fidler, terkulturisto, Buda, 10 p. Bakov

*Bühl*, (Germanio, Baden) — D: S-ro Hermann Schauber, advokato, Bühlertalstrasse 27

*Český Těšín* (Ĉeĥoslovakio, Silezio) — D: S-ro Ludoviko Krysta, Emeritulo, Schmerlingova 2/II

*Constanta* (Rumanio, Dobruĝa) — D: S-ro Paul W. Ernst, korespondisto, „Astra Rimână“, S. A.

*Dubno* (Pollando, Wolyn) — D: S-ro Mejez Lichtensztejn, filatelisto, Ulice Farna 18

*Eemnes* (Holando, Utrecht) — D: S-ro Johannes van Hengel, eldonisto, „Voogdenerf“

*Eltville a. Rh.* (Germanio, Rheingau) — D: S-ro Christian Herzer, oficisto, Marktstr. 3

*Falkenau a. Eger* (Ĉeĥoslovakio) — D: F-ino Helene Quoika, librotenistino, Schlossbrauerei

*Freudenthal* (Ĉeĥoslovakio) — D: D-ro Josef Dostal, profesoro Staatsrealgymnasium
VD: S-ro Alfred Woitek, studento, Staatsrealgymnasium

*Grossarl* (Aŭstrio, Salzburg) — D: S-ro Hugo Baminger, poŝtoficisto

*Haddonfield* (Usono, New Jersey) — D: S-ro Edward Willist Jr. Pharo, mekanika desegnisto, 313 Redman Ave

*Haid apud Tachaŭ* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ro Josef Steinsdörfer, instruisto, Schlossstrasse 318

*Halcyon* (Usono, Kalifornio) — D: S-ro Edgar Cheetham, terkulturisto, Box 12

*Hermannseifen* (Ĉeĥoslovakio) — D: S-ro Raimund Schönwälder, laboristo, Hermannseifen bei Arnau

*Holice* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: F-ino Milada Vavřínová, instruistino

*Hove* (Brit. Sussex) — D: F-ino Elizabeth Ireland, privatulino, 10 Easten Road

*Innergefild* (Ĉeĥoslovakio, Bohemarbaro) — D: S-ro Hans Heidrich, instruisto, Poŝto Aussergefild

*Iserthal* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ro Alfred Butschek, oficisto, Iserthal apud Semily

*Klaten* (Java, Solo) — D: S-ro Kamso Wirjosaksono, instruisto

*Komárno* (Ĉeĥoslovakio, Slov.) — D: S-ro Josef Sprušanský, detektivo, Nádorstrato 54

*Kostelec n. Orlicí* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ro Richard Blumauer, profesoro, č. 585

*Kratzau* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: D-ro Karl Alexowsky, kuracisto, Ludwig-Thielgasse 55
VD: S-ro Ernst Pfohl, lignaĵisto, N-ro 97

*Mar-Hory* (Ĉeĥoslovakio, Moravio) — D: S-ro František Vičan, tajloro, Přemyslovců str. 496

*Mährisch-Trübau* (Ĉeĥoslovakio, Moravio) — D: S-ro Franz Wopalka, direktoro de porknaba burĝa lernejo

*Makó* (Hungario, Csanadmegye) — D: S-ro Erdös Ernö, privata oficisto, Szent Zános ter 5

*Markneukirchen* (Germanio, Sachsen) — D: S-ro Max Walter Becker, Stadtbank

*Nelsonés Bay* (Aŭstralio, N. S. W.) — D: S-ro Stanley Rober, Richardson, instruisto

*Neumünster* (Germanio, Schleswig-Holstein) — D: S-ro Heinrich Brunstamp, bankdirektoro, Grossflecken 22

*Niemes* (Ĉeĥoslovakio, Leipa) — D: S-ro Rudolf Burkert, kompostisto, Kalvariengasse 34/IV

*Nové Strašecí* (Ĉeĥoslov.,) — D: S-ro Bohuslav Fuma, instruisto, učitel

*Örebro* (Sved., Nerike) — D: S-ro V. Hugo Löfgren, Malmgatan 10

*Pfullingen* (Germanio, Württemberg) — D: S-ro Ernst Zimmermann, komercisto, Uhlandstr. 12

*Písek* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ro Jan Huttar, gimnazia studento, Nádražní 387

*Porto-Alegro* (Brazilo, Rio Granda do Sul.) — D: S-ro Ary Zamora, fervojisto, Oficiato Escritorio Central da V. F. R. G. S., 1ª divisao
VD: S-ro Aŭgusto Concalves De Castro, bankoficisto, Rua 7 de Stembro 116, Sobrado

*Rebais* (Franclando, S. et Marne) — D: S-ro Andrè Géraud, Receveur de l' Enregistrement, advocat. Rue St. Louis

*Richvale* (Usono, Butte Californie) — D: S-ro Lev. Gorham, bienposedanto, verkisto

*Rowno* (Pollando) — D: S-ro Berko Burak, instruisto, Poste restante

*Rychnov* nad Kněžnou (Ĉeĥoslovakio) — D: S-ro Ladislav Šimerda, juristo, N-ro 645

*Rzeszow* (Pollando, Matopolska) — D: D-ro Jakob Makara, katolika pastro, Vikario parokeja

*Skutari* (Albanio) — D: S-ro Lazer Shantoja, katolika pastro, Sekretario de la Ĉefepiskopo de Skutari

*Solnice* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ro Miroslav Pulchart, instruisto

*Sremska-Mitrovica* (Jugoslavio, Slavonio) — D: S-ro Ĝorĝe P. Radovanovič, ŝuisto, Stara ulice 26
VD: S-ro Ivan P. Valentič komerca help., Savske 14

*Stupno* (Ĉeĥoslovakio) — D: S-ro Jan Mašek, katolika pastro, Farář, Stupno u Plané

*Suché Vrbné* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ro Pavel Cahák, kand. de pedagogio Dobrovodská 56

*Theusing* (Ĉeĥoslovakio, Karlsbad) — D: S-ro Josef Rudolf, fakinstruisto, Rathausgasse 25

*Torvastad*, Haugesund (Norvegio, Rogaland) — D: S-ro Nils Økland, lerneja inspektoro

*Vallorbe* (Svislando, Vaud). — D: F-ino Alice Noguet, 15 rue de la Poste

*Vamberk* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ro Slávo Beníček, librotenisto, N-ro 229

*Vysokov* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ino Běla Raichlová, edzino de lernejestro

*Vyškov* (Ĉeĥoslovakio, Moravio) — D: F-ino Anežka Holancová, instruistino, Olomoucká 25
VD: F-ino Marie Krylová, instruistino, Pod újezdem 12

*Warnemünde* (Germanio, Mecklenburg) — D: S-ro Wilhelm Scheel, restoraciisto, Villa Erika, Strandweg 12a

*Zahn* (Germanio, Schles.) — D: S-ro Artur Scholz, instruisto, Post Saabor

*Železný Brod* (Ĉeĥoslov., Bohemio) — D: S-ro Miroslav Bedrich, komercisto, Stefanikova 35

Genève, 10 januaro 1925.

*Hans Jakob*
Direktoro de UEA.

# Esperantista Parolejo.

## Oni laŭdas!

*Elise Tham*, del. de UEA kaj instruistino en Hohenelbe, Ĉeĥoslovakio, dankas al la tre aminda S-ino Huber en Salzburg pro la afabla akcepto kaj loĝigo en ŝia hejmo; plue ŝi dankas al la Pariza kaj Londona samideanaro pro la servoj faritaj al ŝi dum ŝia libertempa restado en tiuj urboj, precipe al la ĉefdelegito S-ro Delanoue en Paris.

Inĝ. *F. Schneider*, Praha, okaze de lia vojaĝo tutkore dankas al la del. ing. de Balzac kaj S-ro Crawley en Torino, del. S-ro Arabeno en Genova kaj del. S-ro Roncati en Nice pro ilia afabla akcepto kaj gastemo.

S-ino *Adeline Adan* kaj F-ino *Jeanne Doutrelingne* dankas tre kore pro ĝentilaĵoj kaj servoj faritaj dum ŝia vojaĝo en Sudslavio kaj en Italio al jenaj gesamideanoj: En Zagreb: S-roj D-roj Duŝan Maruzzi kaj Julije Domaĉ. En Split: Ges-roj Rudolf Rupĉiĉ kaj S-ro Margetiĉ. En Dubronik: S-ro pastro D-ro Velniĉ. En Trieste: S-ro D-ro Kavaliro Arturo Ghez.

Varsova delegito de UEA, S-ro *A. Oberrotman* tutkore dankas la vicdel. S-ron J. M. de Villa en Habana (Kubo) por faritaj al li servoj.

S-ro *Rob. Kreuz*, Genève, dankas al S-ro Marius Joly, del. de UEA, Monte-Carlo (Princlando de Monako) pro rapide kaj sendevige plenumita propaganda servo.

*

## Al la kuracistoj ĉiulandaj!

La Centra Komitato de TEKA, elektita por unu jaro okaze de la XVIa en Wien, pro revivigo de la asocio, komencis tuj post la kongreso sian agadon. Sed la rezultato ĝis nun ne estas tre granda. Mondonacojn sendis: D-roj Robin, 5 dolaroj; Blassberg, 80 pol. zlotoj; Jurkovsky, 5 zlotoj; Geliebter, 10 zlotoj; Bloch, 20 Kĉ.; Heller, 20 Kĉ.; Bischitzki, 25 Kĉ.; Ulman, 50 Kĉ.; Sós, 100.000 Kaŭ. — Estimataj kolegoj, imitu la bonajn ekzemplojn. Monsendoj estas adresotaj al D-ro Edmund Sós, Wien I, Tuchlauben 18 (Aŭstrio).

* * *

## Brita Esperantista Asocio.

### Literaturaj Konkursoj 1925.

1. Traduko de Angla Proza Literaturaĵo, de 2000 ĝis 3000 vortoj. 1a premio 30 ŝ.; 2a premio 20 ŝ.
2. Originala Novelo de 1000 ĝis 2000 vortoj. 1a premio 30 ŝ.; 2a premio 20 ŝ.
3. Originala Artikolo de 1000 ĝis 2000 vortoj. Premio 20 ŝ.

*Kondiĉoj:*

1. Konkursantoj devas alpreni pseŭdonimon, kaj skribi ĝin sur la manuskripton. Ili devas skribi la nomon kaj adreson — kune kun la pseŭdonimo — sur apartan folion, kaj enmeti ĝin en koverton, sigelante ĝin kaj skribante la pseŭdonimon ekstere. Tiun koverton ili devas sendi kun la manuskripto.

2. Ĉiuj manuskriptoj fariĝos propraĵo de la Brita Esperantista Asocio. La Asocio rezervas al si ĉiujn rajtojn pri publikigo de manuskriptoj.

3. La Asocio rezervas al si la rajton, aŭ ne doni, aŭ dividi, iun ajn premion. Se manuskriptoj de sufiĉa merito estos ricevitaj, medalo, aŭ medaloj estos ankaŭ aljuĝataj.

4. Manuskriptoj, kun surskribo *Literatura Konkurso*, devas atingi la Asocion (17, Hart St., Londono W. C. 1) antaŭ Marto 31a 1925.

# Niaj mortintoj.

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

**Karl Küchler**, honora civitano de la Universitato de Frankfurt a. M. kaj honora prezidanto de la tiea grupo, en aĝo de nur 56 jaroj, subite mortis la 23 decembro 1924. S-ro Küchler estis unu el la plej malnovaj modestaj esperantistoj en Germanlando, kies nomo apenis apenaŭ en la gazetaro, sed kiu aktive kunlaboradis kaj propagandis je ĉiu okazo, kiun li havis kiel fabrikanto. Nur en malgranda rondo da fideluloj estas konata lia mona malavareco. Nur dank' al lia valora helpo multaj propagandaj laboroj ebliĝis. Li faris aron da vojaĝoj en ĉiuj romanaj landoj, en tuta Oriento kaj en Ruslando ĝis Siberio. Pro tio li konis la necesecon de helpa lingvo. Dum lasta jaro li havis du apopleksiojn. Kvankam la unua jam paralizinfluis lian parolon li venis al la grupa festo de l' 20-jara jubileo. Dum multaj jaroj li zorgeme kolektis preskaŭ ĉiujn esp. librojn kaj prezentis belege binditan bibliotekon al la interesatoj.

Nun li bedaŭrinde ne plu estas. Krom bedaŭrata la familio funebras ĉe lia tombo la esperantistoj de Frankfurt, kies fidela helpanto li estis. Ĉe lia enterigo paroladis niaj amikoj por adiaŭi lin. En la koro de ĉiuj liaj esp. amikoj, en kies nomo mi parolas tie ĉi, la memoro al li restos por eterne.

*Robert Kreuz*, Genève.

**Paŭlo v. Medem**, komitatano de UEA en Kaunas (Litovio) ne vivas plu! Subite, neatendite dum la Novjara nokto vi mortis, kara amiko mia! Kortuŝe mi ploras antaŭ via ĉerko kaj kun mi ne nur viaj plej proksimaj, ne nur viaj fidelaj amikoj multenombraj, sed ankaŭ la tuta esperantistaro! Ĉar ni perdas en vi unu el la lastaj malnovaj, maljunaj pioniroj de la klasika epoko de nia movado. Ĉar ni perdas en vi antaŭ ĉio homon, pure noblecan, bonaniman tutkore sinceran, kiu ĉiam estis preta helpi al ĉiu veninto, al ĉiu viktimo de la sorto malfeliĉa. Al kiom da homoj kaj samideanoj, al kiom da viktimoj de la kruela milito vi helpis! Tion scias nur viaj plej intimaj amikoj, ĉar vi sciis ĉion aranĝi senbrue, ofte nerimarkite eĉ de la akceptantoj mem.

Kaj ni nun ploras subigitaj de la kruela sorto, de la neforigebla fatum.

Kaj jen kuŝas antaŭ mi via kuraĝiga, sincera letero, nur unu tagon antaŭ la morto skribita; tiom bonkora, tiom serena. Kaj en ĝi vi ĝojas pri la konferencoj esperantaj, vi ĝojas povi kunhelpi por la sukceso de nia movado, vi promesas nepre veni, se nur via sanstato permesas!

Sed, ho ve, la kruela morto forrabis vin de mi, de ni, el nia rondo. Kaj nun vi kuŝas trankvile tie malproksime en Kaŭnas sur la tombejo sub la tero per florkronoj superŝutita kaj tamen mi sentas kvazaŭ vi, kvazaŭ via mi ŝvebas ĉi tie en ĉambro mia konsolante al mi, al ni: „Bone al mi tie, en tombejo mia, ne ploru do, ne plendu (la sorto), sed sekvante mian vojon, nian vojon, tenu pli forte la standardon, nian verdan standardon kaj rememorante vian bonan, vian sinceran amikon, laboru seninterrompe, diligente, plenenergie por nia fina venko!

Ripozu en paco, amiko kara, ni promesas al vi sincere sekvi viajn konsilojn kaj labori laŭ via ekzemplo por nia kara ideo, ni promesas al vi labori ĉiam unuige por nia afero!

*S. Grenkamp.*

**Wilhelm Schimmel**, kantoro em., Dresden, senioro de la germana esperantistaro, en aĝo de preskaŭ 93 jaroj. Li speciale dediĉis sin al la lernigo de Esperanto al infanoj en plej frua aĝo kaj tiucele ellaboris sistemon de instruo, sukcese elprovita en Froebl-ĝardenoj de Dresden.

# REKLAMO

## Petoj kaj Proponoj

### Internacia Komerco.

**Adreso-ŝanĝo.** Mia nova adreso estas: 12 Bd. du Théâtre (UEA), Genève, Svisl. Mi petas miajn multenombrajn korespondantojn en eksterlando bonvole pacienciĝi pro mia respondo. Mi reskribos kiel eble plej frue. Intertempe mi sendas amikan saluton kaj novjaran deziron al ĉiuj. Robert Kreuz, Redaktoro kaj Ĝenerala Sekretario (antaŭe Horrem b. Köln).

**Esperanto-Gramatiko trilingva.** Kelkcent ekzempleroj de trilingva gramatiko (kun klarigaj tekstoj franca, angla kaj itala) de R. de Saussure estas aĉeteblaj de F-ino E. Straub, Oratoire 3, Neuchâtel, Svislando. Prezo 0.25 po ekzemplero.

**Esperanto-ludkartoj.** Postulu senpagan specimenon de la Internacia Esperanta Ludkartaro (12,2 × 6,9 cm). Per tiu ĉi heraldike ornamita esperanta propagandilo la plej multaj ludoj estas ludeblaj. Simpla ludo 4 sv. frk., luksa 5 sv. frk. Por 8 ludoj 40 proc. da rabato. Sendata afrankite. I. E. L. kartcentrejo, Budapest, Hungarujo, Poŝto 112, kesto 11.

**Filatelistoj.** Sendu al mi per letero 50—1000 poŝtmarkojn malsamajn el via lando mi tuj sendos al vi la samkvanton el mia lando. S-ro Jòža Màdl, ŝtatoficisto en Trenčianskè Teplice, Ĉeĥoslovakio.

**Filatelistoj atentu!** Sendu al mi 2,5 dolarojn aŭ saman valoron alialande kaj mi sendos per registrata letero 1 serion de germanaj kolonioj (3 pf. — 5 mk.) aŭ Togo, aŭ Kameruno, aŭ Marianoj ktp. Laŭ manklisto ĉio liverebla je modestaj prezoj. P. H. Herrmann, membro de UEA, Potsdam, Margaretenstr. 23, Germanio.

**Gastigado.** Kia bonkora familio estus ema akcepti unu aŭ du sangmalriĉajn (anemiajn) hungarajn geinfanojn 12-16 jarajn kelkajn semajnojn? D-ro Augusto Pavel, profesoro, Faludi F str. 33, Szombathely, Hungarlando.

**Grava propagando!** Por atingi la enkondukon de Esperanto en la ĉi-tieajn lernejojn kaj por pruvi al la publiko kaj urbestraro la disvastiĝon kaj uzon de nia lingvo, ni intencas aranĝi dum marto kiel eble plej grandan propagandan ekspozicion kaj ni urĝe kaj korege petas la internacian esperantistaron sendi al ni kiel eble plej multajn esperantaĵojn aŭ PI bfl el ĉiuj partoj de la mondo. Koregan antaŭdankon! Ni kvitancos ĉiun sendaĵon per PI, se la sendinto deziras! Adreso: Esperanto-Grupo „Obstine antaŭen", prez. E. Kind, delegito de UEA, Euskirchen, Oststr. 28, II, Germanio.

**Grava alvoko!** Varsoviaj samideanoj intencas turni sin al la Varsovia Urba Konsilantaro kun peto nomi la straton, kie loĝis nia Majstro „Zamenhofan". Estus tre dezirinde kaj konvinkige, se ni povus prezenti al la Urba Estraro oficialajn dokumentojn kun fotografaĵoj de eksterlandaj urboj en kiuj jam nun ekzistas stratoj nomitaj „Zamenhofaj". Tial ni varme petas la samideanojn kaj la UEA-delegitojn de koncernaj urboj, ke ili bonvolu ricevi de siaj urbaj oficejoj tiajn dokumentojn kaj trasendi ilin al la Varsovia delegito de UEA, S-ro A. Oberrotman, Warszawa, Krak.-Predm. 10. Aliaj gazetoj estas petataj represi tiun alvokon sendante unu kopion.

**Malnovaj numeroj de „Esperanto".** Mankas al ni la jenaj numeroj de nia organo: N-ro 182 (10) 5. okt. 1915, N-ro 226 (6) junio 1919, N-ro 234 (2) februaro 1920. Ni petas posedantojn de disponeblaj ekzempleroj bonvole informi nin pri la kondiĉoj de vendado. Centra Oficejo de UEA.

**Maŝinteknikistoj,** elektroteknikistoj, porcelanfakistoj! Reveninte el vagado mi deziras ree korespondadi kun miaj malnovaj amikoj, kun kiuj mi korespondadis el Budapeŝto. Kun seriozaj gesamideanoj mi volas korespondi pri la temoj: Esperanto, porcelanfabrikado, maŝintekniko, elektrotekniko, nur esperante, precipe kun japanoj, ĉinoj, egiptanoj, amerikanoj. Respondos al ĉiu. Adreso: S-ro Izso Bruell, maŝinteknikisto, porcelanfabriko „Iris", Uzine, Cluj, Rumanio.

**Mohamedismo.** Ĉu troviĝas en nia samideanaro arabo (moslemo), kiu bonvolas korespondi kun mi pri Islamo, Korano kaj araba literaturo? Antaŭe dankas: William Perrenoud, professeur, Cernier, Neuchâtel, Svislando.

**Monereto.** Por la plej malgranda monereto de sia lando, kiun oni sendas al mi por mia kolekto, oni ricevos laŭdezire aŭ la saman de Ĉeĥosl. aŭ PM, PK aŭ PI. Skribu al Jiři Frankenberger, Praha, Národní tř. 14. Nur kun eksterlandanoj.

**Ofico.** Komercoficisto, 38-jara, kun plej bonaj atestoj serĉas iun ajn laboron, W. Duregger, Scheibenstr. 26, Traunstein, Bavario, Germanio.

**Organizo** de l' funkciado de maŝinfabrikejoj kaj muldejoj laŭ plej modernaj principoj (nenia tro-organizo). Teknika konsilado ĉiuspeca. Provitaj alojoj por griza muldaĵo, reformŝtalo kaj metaloj. Analizoj, Provitaj metodoj por determini popecan laborkoston. Plej granda sukceso, bazanta sur spertoj dum 25 jaroj. Korespondado en Esperanto, germana, angla kaj franca lingvoj. Skribu al Ingenieurbüro G. Bisang, Hirschberg (Schlesien), Germanio.

**Poŝtmarkoj.** Kiu sendos al mi 1 dolaron aŭ samvaloron ricevos 75 PM de S. H. S., 50 PM de Bosnio-Hercogov. kaj 25 PM de Serbio. Sendu monon al adreso: Haim Levi, Ĉukoviĉa ul. 2, Sarajevo, Bosnio.

**Poŝto.** Telegrafo. Telefono. Radio. Mi interŝanĝas ĉiuspecajn PI bfl kun eksterlandanoj. Speciale mi ŝatas PI, kiuj prezentas poŝto-, telegrafo-, telefono- aŭ radio-oficejojn aŭ -staciojn interne aŭ ekstere. Mi certe ĉiam respondos! E. Kind, telegrafa inspektoro, delegito de UEA, Euskirchen, Oststr. 28, II, Germanio.

**Profitu la okazon!** Mi disvendas favorpreze mian tutan Esperanto-bibliotekon konsistantan el libroj kaj gazetoj, multaj tre maloftaj kaj binditaj. Seriozaj aĉetantoj sin turnu al: Iv. Krestanoff, Pirdop, Bulgario.

**Puntoj.** S-ro A. Dupuis, teknikisto, 7, rue de Montenotte, Paris 17, deziras ricevi de eksterfrancaj samideanoj sciigojn pri puntoj, brodaĵoj kaj similaj laboroj de virinoj, uzataj en eksterlando. Aĉetus plezure specimenojn kaj modelojn de naciaj produktaĵoj.

**Sankta Jaro.** Vicdelegito de UEA en Roma, S-ro Filippi Ermanno, sciigas, ke li ŝanĝis loĝejon kaj de Via Caio Mario 7 transloĝiĝis al Via Tagliamento 76 (funde Via Po) proksime de la Centra Stacio. Dum la Sankta Jaro li disponos pri dulita ĉambro por la fremdaj samideanoj, kiuj bonvolos lin antaŭaverti ĉu letere, ĉu telegrame.

**Sociala asekuro.** Kiel oficisto de l' granda „sindikato de oficistoj" mi estas komisiata reprezenti la interesojn de la oficistoj de malsanulkasoj kaj de la socialaj asekurejoj. Pro tio mi nun havas grandan intereson ekscii, ĉu en aliaj landoj jam ekzistas samaj aŭ similaj organizaĵoj. Mi tre volonte interŝanĝus sciigojn pri la leĝdonado kaj pri la administracio de tiu ĉi institutoj. Tial mi korege petas la gesamideanojn min sciigi: 1. ĉu jam ekzistas organizaĵo de oficistoj de la socialaj asekurejoj (nomo kaj adreso), 2. ĉu ekzistas organizaĵoj de la institutoj mem. Fritz Bohlmann, Berlin-Neukölln, Richardstr. 28, Germanio.

**Suboticaj esperantistoj** antaŭ la malfermo de nova kurso aranĝos ekspozicion. PI bfl estas dezirataj montrante aŭ stacidomon, aŭ poŝtoficejon aŭ magistratdomon. Resendo laŭdezire. Al administrejoj ni pagos por unu ĵurnalo, se estas dezirata. Limtempo 20. I. 1925. Adreso: Bela Špitzer, delegito de UEA, Subotica.

**Urĝa peto!** Kiu volas helpi por plifortigi kaj kreskigi la Esperanto-aferon en Hindio? En Nederlanda Hindio ne estas multe da esperantistoj, ĉar oni ne ankoraŭ faris bonan propagandon. Tial mi petas ĉiujn gesamideanojn el la tuta mondo, sendi al mi gazetojn, kartojn kaj diversajn esperantaĵojn por bonplenumi mian varbadon. Al ĉiuj mian dankon anticipe. Sendu viajn sendaĵojn al S-ro H. J. Tuinder, elektristo, Departemento de Marine, Batavia, Nederlanda Hindio.

**Verda libertempo.** Estas projektate aranĝi inter majo kaj julio 1925 privatan libertempan restadon de diversnaciaj gesamideanoj en arbara hotelo. Celo: Interkoniĝo de diversnacianoj, korpa kaj spirita refreŝiĝo per migrado en belega arbarmonta regiono ĉe meza Rejno. Pago: tre malalta prezo, enhavanta la kromkostojn (kun ekskursoj). Eventualaj partoprenontoj demandu senprokraste S-ron L. Funken, Florinsmarkt 7 a, Koblenz, Germanujo. Por respondo tuja aldonu resp.-kuponon!

## Korespondado

### Interŝanĝo de objektoj.

#### Albanio.

**Skhedër** (Skutari). S-ro Wilhelm Koligi, albana studento, PI, bfl, L seriozaj.

#### Belgio.

**Antwerpen.** F-ino J. v. Gelder, Richardstraat 30, L, PK kĉl.

**Antwerpen.** F-ino J. de Waegenaere, instruistino, Rotterdamstraat 91, L, PK kĉl.

#### Britlando.

**London N. 4.** S-ro Livingstone Jenkins, 64 St. Thomas Road, PM, esp. gaz., propagandilojn kĉl. Certe respondos.

#### Ĉeĥoslovakio.

**Karvinná.** S-ro Leopold Kucharczyk, čís. 102, PK, PI, L kun ĉiulandaj gesamideanoj.

**Pardubice.** S-ro Ant. Jandík, na Haldě 87, PI, L kĉl., gaz., ŝakludas koresponde.

**Podjedlina** p. Rychnov n. Kn. S-ro J. Kunc anoncas al multaj demandoj, ke li ne plu interŝanĝas PM, li nun korespondas L, PI, pri geografio, politiko kaj tagaj problemoj.

**Teplitz-Schönau.** F-ino Charlotte Tkang, Bahnhofstr. 27, informas, ke ŝia adreso estas publikigita erare. Ŝi ne plu korespondos.

**Trautenau.** S-ro Rudolf Pivl, Prager Str. 16, donas informojn pri junulara movado esperantista kaj petas pri alsendo de facilaj esperantaĵoj taŭgaj por publikigo en junula gazeto.

**Turnov.** S-ro Josef Trsek, provazárna, PI, L, gaz.

#### Estonio.

**Tallin.** S-ro Harry Kelmsev, wana kulamaja tän. no 3-14, PK, bfl, PM.

#### Germanio.

**Altmittweida** (Saksujo). S-ro Rudolf Hildebrand, instruisto, Clemens-Fritzsche-Str., PI, L, fot-aĵoj kĉl., ĉiam respondos.

**Altmittweida** (Saksujo). S-ro Oskar Fischer, instruisto, N-ro 42 B., PI, L kĉl., ĉiam respondos.

**Berlin-Südende.** F-ino Marie Laade, Lichterfelder Str. 32, PI, L kun seriozaj gesamideanoj ĉl., ne pli juna ol 25 jaroj.

**Breslau X.** S-ro Alfons Pache, Matthiasstrasse 134, PI.

**Essen-Altenessen.** F-ino A. Stratmann, instruistino, Bäuminghausstr. 70, L, PK kĉl.

**Esslingen a. N.** S-ro Gottlob Roos, inĝeniero, Bismarckstr. 41, I, PM kĉl.

**Esslingen a. N.** S-ro Hermann Saupe, Olgastr. 10, I, PM kĉl.

**Irmgarteichen** (Kr. Siegen, Westfalen). S-ro Heinrich Dresselhaus, instruisto, deziras korespondi pri lingvoj, pedagogio, psikologio, stenografio kaj ĉiutagaj temoj kĉl., L, PK, PI, precipe kun fraŭlinoj.

**Markneukirchen** (Sa.). S-ro Karl Sommer, Stadtbank, PI, bfl kĉl., mi ĉiam respondos.

**Meiningen.** S-ro Alexis Voelker, Schlossplatz 9, L kun kleraj esperantistoj eksterеŭropaj.

**Meiningen.** S-ro Alfred Zentgraf, Luisenstrasse 2, PM, PI kĉl.

**München.** S-ro H. Wolfschmidt, Klenzestrasse 99, I, por 1 dolaro aŭ sama valoro donas 50—100 PM germanajn nestampitajn aŭ stampitajn.

**Striegau** (Silezio). F-ino Ruth Bittner, Schweidnitzerstr. 15, PM, PI, fotojn kĉl.

**Zittau** (Sa.). F-ino Evamarie Clauss, Georgstr. 25, I, L, PK, PI kĉl.
S-ro Johs. Schmidt, Rossplatz 1, L, PK, PI kĉl.
S-ro Georg Kleich, Burgstr. 7, L, PK, PI kĉl.
F-ino Elise Kleich, Burgstr. 7, L, PK, PI pri ĉiuj temoj, modoĵurnaloj kĉl.
S-ino Charlotte Ehm, Stephanstr. 11, L, PK, PI kĉl.
S-ro Ali Akbar Ehm, poŝtfako 105, L, PK, PI pri komercaj aferoj, ekspozicioj, foiroj, demandoj pri komercaj ĉambroj kĉl., ankaŭ angle.
S-ino Irmgard Kurth, Äuss. Oybinerstr. 22, L, PK, PI kĉl.
S-ro Kurt Ullrich, Peschekstr., L, PK, PI kĉl.
S-ro Karl Knoll, Theodor-Körner-Allee 11, L, PK, PI kĉl.
S-ro Willy Thiele, Neustadt 16, L, PK, PI kĉl. pri komercaj aferoj.
S-ino Johanna Tzschaschel, Äussere Oybinerstr. 21, L, PK, PI kĉl.
S-ro Georg Tzschaschel, Äussere Oybinerstr. 21, L, PK, PI kĉl.
S-ino Trude Knoefel, Arndtstr. 11 p., pri komunuma politiko, interŝanĝas naciajn gazetojn, ne PM, korespondas esperante, angle, france, nederlande, germane.

**Zittau.** S-ro Richard Elfenberger, Eckartsbergerstr. 10, L, PK, PI kĉl.
S-ro Paul Lätsch, Niederoderwitz Nr. B 57 b. Zittau, pri komercaj aferoj kĉl.
S-ro Richard Poppe, Gross-Schoenau Nr. 714 b. Zittau, L, PK, PI pri ĉiuj temoj kĉl
S-ino Erika Koenig, Grottauerstr. 50, L, PK, PI kĉl., interŝanĝas modoĵurnalojn
S-ro D-ro Richard Lindt, Moltkestr. 1, L, PK, kun italoj, britoj, pri pacifista, socialista, abstinenta aferoj, interŝanĝas gazetojn kaj broŝurojn.
S-ro Willy Mai, Äussere Oybinerstr. 4 b, PK, PI, L pri ĉiuj temoj kĉl.
F-ino Clara Müller, Gubenstr. 9, instruistino, L, PK, PI kĉl.
F-ino Johanna Rabenstein, instruistino, Goerlitzerstr. 45, L, PK, PI kĉl.
S-ro Hermann Richter, Inn. Oybinerstr. 5, L, PK, PI kĉl.

### Hispanio.

**Gijon (Asturias).** S-ro Emilio Pachees Martiner, Covadonga 23, 2 o dha., literaturajn kaj artajn gazetojn, PI, PM, ankaŭ L esperante france, angle kaj hispane, precipe kun gejunuloj kĉl., ĉiam respondos.

**Gijon.** S-ro Justo del Campo, gimnastika profesoro, Villaviciosa 83, L, PK, PI k. c. kĉl. pri literaturo kaj kuraca scienco.

**Terrassa.** S-ro D. Montblanch, calle St. Antonie 64, PI, PM kĉl., prefere kun progresintaj kolektantoj.

### Hungario.

**Szombathely.** S-ro D-ro Östör László, Vörösmarly u. 28, PM kĉl. laŭ Michel-katalogo.

### Italio.

**Firenze.** S-ro Alfred Köcher, tajloro, Via Panicale 3 per Terenzani, L pri tajlorfako, vegetarismo kaj parencaj temoj.

**Roma.** S-ro Elio Migliorini, Piazza Scanderbeg 85, korespondas kun seriozaj personoj pri geografio kaj alpinismo. Ŝanĝas presaĵojn pri tiuj fakoj.

### Latvio.

**Liepaja.** S-ro Rudolfs Štammers, pasta kantoris, PI, bfl kĉl., nepre respondos.

**Liepaja.** S-ro Eduards Jaunvalks, delegito de UEA, serĉas seriozajn korespondantojn per PI kaj L el ĉiuj landoj, precipe orientaj. Deziras PI kun naciaj kostumoj. Interŝanĝe donos PM de sia lando. Nepre respondos.

**Liepaja.** S-ro Peters Auninš, Ganibu iela N. 47 dz. 14, PI kĉl., precipe la Oriento. Nepra respondo.

**Liepaja.** S-ro Hermans Neiburgs, elektromoutisto, Gintera iela N. 39 dz. 5, kun samprofesianoj per PI. Respondos certe.

**Liepaja.** S-ro Eduards Strádnieks, Viduscela iela N. 28, PI. Nepra respondo.

**Riga.** F-ino Ella Balod, Brívíbas iela N. 153 dz. 14, PI kĉl., certe respondos.

**Rujiena.** S-ro Janis Jaunbrals, Smilšu iela N. 10, PI, L kĉl., precipe kun fraŭlinoj. Nepre respondos.

### Litovio.

**Kedainai.** S-ro A. Olcauzai, Kedainiu dvaras Mat., PM.

**Mariampolé.** S-ro J. Kamaitis, muzikinstruisto en Valst. Gimnazio, PI kun tutmondaj samideanoj, precipe el orientaj landoj.

### Madagaskaro.

**Ambohivanovo (Tananarivo).** S-ro Jean Laurent Andrianasolo, instituteur (instruisto) kaj malgaŝa verkisto, nur seriozan korespondadon pri muziko kaj muziknotoj en itala lingvo kaj en Esperanto. Ankaŭ akceptos propagandilojn por disvastigo de Esperanto.

### Meksiko.

**Tampico.** S-ro E. E. Guerra informas, ke li ne (kiel erare presite) korespondas kun sinjorinoj kaj fraŭloj, sed nur kun sinjorinoj kaj fraŭlinoj.

### Nederlando.

**Amsterdam** S-ro N. A. Zilver, P. O. B. 1055, PM, helpmono, malakceptas bagatelojn.

### Norvegio.

**Stavanger.** S-ro Egill Houen, Bröngdt 39, deziras korespondi kun gejunuloj kĉl.

### Pollando.

**Boryslaw.** S-ro Leon Ringler, „Premier" (ne Ringlev, Premiev, kiel erare jam sciigita) deziras korespondi pri naftoborado nur kun eksterlandanoj.

**Lwow.** S-ro Jozef Kucharz, fervojisto, Na Blonie, 54 a, PI bfl kĉl., daŭra korespondado, publikigos la nerespondintojn.

### Rumanio.

**Deva.** S-ro Antono Ander, profesoro, PM kaj PI kun hispanoj, portugaloj, grekoj, turkoj, norvegoj, baltikaj ŝtatoj kaj kun ekstereŭropanoj. Sendu rekomendite.

**Teluŝ-gara (Transilvanio).** S-ro Adalbert Toader, poŝtestro, PI, L pri teozofio, vegetarismo, hipnotismo, spiritismo, okultismo, popolmovado, seksa vivo, edziĝaj kutimoj ktp.

**Teluŝ.** F-ino Nelly Christea, vicdelegitino de UEA, L, PK bfl.

### Sudslavio.

**Novi-Sad.** S-ro Julio Brezsau, Kralyevics Marko ul. 6, PK, bfl, kĉl.

**Novi-Sad.** S-ro Francisko Loncsarics, PK, bfl, kĉl.

**Novi-Sad.** S-ro Kolomano Sárkörý, Sibinjamin Janka ul. 7, PK, bfl, kĉl.

**Novi-Sad.** F-ino Kato Szénássý, Bana Jelašiča ul. 10, PK, bfl kĉl.

**Novi-Sad.** F-ino Julianjo Nováth, Slovačka ul. 50, PK, bfl, kĉl.

**Subotica.** S-ro Bela Špitzer, delegito de UEA, PM nur kun seriozaj kolektantoj, PI, bfl, ne sendas unue.

### Usono.

**San Francisko (Kalif.).** S-ro Harry Edmonds, 1061 Hyde Street, L, bfl, PM, gaz. kĉl.



Esperanto-Presejo Magdeburg